XVIª jaro. Nº 236 (4) ⋆ Monata ⋆ Aprilo 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Frankoj | Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2.— Frankoj |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Frankoj | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Franko |
| Unu numero | 1.— Franko | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Franko |
| *Svisa poštĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%* | |

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



## MORTO DE HECTOR HODLER

Tridek-tri jara ĵus mortis nia kara amiko prezidanto de UEA kaj direktoro de tiu ĉi gazeto: Hector Hodler. La perdo estas tiel vasta por nia tuta movado, kaj la profunda doloro tiel kruelbata por ni, ke mankas nun la vortoj por inde priskribi lian noblan vivon. Post dudek jaroj de amikeco, komencita de junaĝo, kiel povas mi ploranta skribi hodiaŭ nekrologion anstataŭ la kutiman ĉiusemajnan leteron al li?



Filo de l' granda pentristo Ferdinand Hodler, nia amiko naskiĝis en Ĝenevo en 1887, kiam lia patro ankoraŭ ne estis tutmonda famulo, sed pene baraktanta artisto, akre kritikata pro la forta originaleco de lia verko kaj malfacile batalanta por la ĉiutaga pano.

Kiam mi dekdujare eniris gimnazion, mi tuj rimarkis tiun novan kamaradon, altan, malgrasan, malriĉan, kun mirindaj okuloj kaj senordaj brunaj haroj kronantaj lian belan grekan frunton. Lia neforgesebla figuro aperis sur pli ol unu pentraĵo de l' patro. Kiam ni kune elkuris el klaso je la kvara posttagmeze, Hector Hodler malgaje rapidis al la patra pentrejo sub tegmento por sidadi aŭ staradi terure senmove dum horoj kiel modelo.

Dum tiu turmento li kutimiĝis je pensado. Tiam li lernis tiun silentemon kaj trankvilecon, kiuj kaŝis sub iom nevarma eksteraĵo la plej senteman koron kaj fervoran animon.

Kiam la patro ne bezonis lin, ni faris kune longajn promenadojn, diskutante kiel knabetoj pri la profundaj misteroj de l' socia vivo. Li estis la pli saĝa kaj la pli multescia. Dekdujare li jam legis tutan Zola!

Unu tagon en 1903 mi alportis en klason Esperantan gramatikon. „Ankaŭ mi jam eklernis la lingvon", li respondis kun brilo en okuloj. Post tri semajnoj ni jam flue interparolis en la nova lingvo kaj decidis fondi klubon kaj ĵurnaleton: „Juna Esperantisto". Unu post unu vendiĝis niaj belaj premilibroj aŭ volumoj de Jules Verne por pagi la eldonelspezojn. La redakcio sidis dum kvin jaroj sur la sama benko en la fundo de klaso. Dum kiom da lecionoj pri matematiko ni gluis poŝtmarkojn, skribadis adresojn aŭ legadis patrajn leterojn de Profesoro Cart aŭ D-ro Zamenhof!

Hodler jam montris ŝaton je ordo kaj serioza organizo. Ankaŭ li vidigis senpartian ekvilibron. Laŭ lia

instigo ni lernis kune „Idiom Neutral“ kaj „Bolak“ por certiĝi, ke Esperanto estas ja vere la plej taŭga lingvo internacia.

La organizo de la Dua Kongreso alportis novajn spertojn. Hodler speciale interesiĝis je la proponoj de S-roj Rousseau kaj Carles pri Esperantistaj konsuloj. Li insistis pri tio, ke nia movado devas stariĝi sur fundamento samtempe pli idealista kaj pli praktika, organizante reciprokan sinhelpadon inter bonvolaj homoj. Iĝi la lingvon tuj utila kaj prepari internacian tuthomaran popolon, jen la temo, kiun pristudis lia pensema inteligento. En 1906 la gazeton „Esperanto“ li reprenis el manoj de Paul Berthelot kaj redaktis ĝin laŭ tiu tendenco.

Pasis knabeco. Forlasinte gimnazion, Hodler sindonis tute al nia movado. La patro jam ekfamiĝis tra la mondo kaj ebligis sian filon vivi pli libere. Tamen li volus, ke li fariĝu ankaŭ pentristo kaj lin instruis en la arto. Malgraŭ rimarkinda hereda talento, Hector Hodler rezistis tiun tenton al gloro. Li preferis labori por homara celo, sed li helpis sian patron en multaj okazoj kaj sekvis kun fervoro la progresojn de lia arto kaj la diskoniĝon de lia genia verkaro en la diversaj landoj. Li fariĝis por li valora kunlaboranto kaj amiko-konsilanto.

De post 1907 ni havis la ĉagrenon ne plu vidi unu la alian ĉiutage, ĉar la maro nin ofte apartigis. En 1908, dum mi vojaĝadis tra Nordameriko por propagandi nian lingvon tie, Hodler daŭris sian sisteman agadon kaj fondis UEA kun Th. Rousseau. Ĉe nia Kvara Kongreso en Dresdeno 1908 ni ĉeestis la unuan kunvenon de la nova Asocio.

H. Bolingbroke Mudie fariĝis prezidanto, kaj ĝi antaŭeniris rapide. Hodler starigis internacian oficejon en Ĝenevo. La konata Lyon'a kolekto da karikaturaj Esperantistaj poŝtkartoj prezentas lin teksanta mirindan fadenaron telegrafan super la tuta mondo.

La bildo montris prave. Efektive lia pacienco, lia ordo, lia energio kaj sistema laborado donis al nia movado ĝian plej seriozan ligilon kaj plej fortan konstruaĵon, kiu sukcesis eĉ rezisti la teruran ventegon de l' mondmilito. D-ro Zamenhof ofte diris, ke simile je Einstein, Trompeter kaj aliaj pioniroj de l' malfacilaj tempoj Hodler estis unu el tiuj viroj, al kiuj Esperantismo ŝuldis la plej multe. Lia kreaĵo komencis novan epokon en la movado.

Multaj Esperantistoj memoras lian ĉeeston en diversaj kongresoj. Li ne estis parolema. Li estis modesta kaj senpretenda. Lia tono estis rekta kaj aŭtoritata. Li malŝatis ĉiun frazistecon kaj senutilajn vortojn. Sub lia maniero iom abrupta regis profundaj bonkoro kaj delikateco.

Ĉiumonate en lia ĵurnalo la Esperantistaro legis liajn saĝajn, ĉiam kompetentajn konsilojn. Dum la milito li sciis konservi la estimon kaj amon de ĉiuj samideanoj, montrante la vojon kaj la devon al nova edukado de l' homaro. Liaj artikoloj estis por multaj el ni bonfarantaj radioj de kuraĝiga lumo. Ili aperigis ankaŭ tiun mirindan fortecon kaj dignecon, kiun la instruistoj jam admiris en liaj Francaj verkaĵetoj ĉe lernejo. Kiel knabo li jam donis al Esperanto valoran tradukon de „Paŭlo kaj Virginio“, kiu restas kiel modelo de bela klasika stilo.

Lingvo kaj argumentoj sonis forte kaj logike sub lia plumo. Ĉiuj sciis, ke oni povas fidi lin, ĉar li ŝatis antaŭ ĉio realajn faktojn. Lia idealismo ne sin nutris el iluzioj, sed el zorga ekzameno de l' ekzistantaj elementoj kaj de l' urĝaj necesaĵoj ...

Nun tiu nobla vivo de senlaca laborado haltiĝis subite. Jam de kelkaj jaroj nia amiko devis transloĝiĝi al Leysin sur montaro pro malsano minacanta. Lia edzino lin flegis kaj prizorgis admirinde. Nia samideano Ed. Stettler sindone prenis en siaj manoj la direktadon de l' Centra Oficejo transportita al Berno. Tamen Hodler daŭris ĉiutagan vastan korespondadon, konsiladon kaj redaktadon.

La morto de B. Mudie, de Th. Rousseau, de D-ro Zamenhof kaj de lia patro lin akre doloris. Li fariĝis prezidanto de UEA kaj havis novajn zorgojn. Malavare li subtenis la oficejon dum la milito kaj havis la ĝojon vidi la kreskadon de nia movado en tiuj ĉi lastaj monatoj ...

Ho ve, la ĉiusemajna letero de nun neniam venos plu. Lia ora koro, lia klara inteligenteco mankos nun al ni plej kruele. La bato estas terura. Nia granda amiko mortis, kaj ni ploras hodiaŭ kun lia korŝirita edzino. La tuta Esperantistaro funebros kun ŝi.

La plumo falas sur la paperon pro ĉagreno. Tamen unu frazon pli ĝi devas skribi: Manon en mano ĉirkaŭ tiu nova tombo ni ĵuru, ke ni fidele daŭros lian taskon, memorante lian ekzemplon senŝancelan!

*Edmond Privat.*

* * *

### *Detaloj pri la morto de nia Prezidanto*

La sano de H. Hodler ŝajnis pliboniĝi lastatempe, kaj li projektis malsupreniri de l' montaro por ekloĝi apud Montreux. Li multe korespondadis ĝis la lastaj tagoj kaj estis tre priokupita pri la neceso krei fortan internacian centron en Ĝenevo por propagandi nian lingvon ĉe la Ligo de Nacioj.

Jam frumatene li eklaboris ĉiutage ĉe sia skribotablo. Dimanĉon la 28 marto li ricevis de la presisto la presprovaĵojn de tiu ĉi numero. Dum la nokto li havis pulmodoloron, kaj la edzino vokis la kuraciston. Dum du tagoj li batalis kontraŭ sufoko. Jam mardon li komprenis, ke fino jam venas, kaj li skribis sur papero al D-ro Privat kelkajn liniojn esprimante la deziron, ke oni unuiĝu la disajn fortojn de nia movado.

Ĝis la lasta momento li pensis pri la estonto de

Esperantismo. Adiaŭinte sian edzinon, li mortis dum la nokto inter mardo kaj merkredo 31 marto.

Avertite telegrame, S-roj Stettler kaj Privat veturis al Leysin, por esprimi al S-ino Hodler la profundan doloron de la tuta Esperantistaro. La korpo de nia plorata Prezidanto jam alvenis Ĝenevon, kie ĝi estos entombigita post du semajnoj, kiam estos preta la familia ĉerkejo, konstruata laŭ deziro de l' mortinta patro de nia amiko, la pentristo Ferdinand Hodler.

 SOCIA VIVO 

# Armenio

III

La Armena lingvo estas parto de l' granda grupo de Hindo-Eŭropaj lingvoj. Inter ili, ĝi formas specialan grupon, kiu dependas de neniu alia kaj kun neniu havas speciale intimajn ligilojn. La Armenoj prunteprenis grandan nombron da Iranaj vortoj de l' Partha nobelaro, kiu regis ĉe ili. La rilatoj inter la Armena kaj Persa estas kompareblaj al tiuj konstateblaj inter la Angla kaj Franca.

La Armena alfabeto, inventita de Mesrop en la fino de l' IVa jc., anstataŭis la skribaĵon de Armena deveno antaŭe uzatan; ĝi konsistis primitive el tridek-ses literoj, sed la bezono esprimi la vortojn alportitajn de la krucomilitantoj kaŭzis, en la XIIa jc., la aldonon de du literoj: *o* kaj *f*. La grandaj literoj estas nomataj ferliteroj, kaj la malgrandaj rondliteroj. La Armenoj havas kursivan skribliteraron, same kiel ili havas, flanke de la literatura, ordinaran lingvon.

La Armena lingvo estas unu el la plej riĉaj kaj plej flekseblaj, kiu, en sia malnova formo, povis belege reprodukti la ĉefverkojn de la Bizanca, Siria kaj Hebrea literaturo, kaj en sia moderna formo, sukcesis precize esprimi paĝojn de Shakespeare, Dante kaj Flaubert.

Ekzistas Armena literaturo depost la Va jc. post Kristo, t. e. multajn jarcentojn antaŭ la plej malnovaj Slavaj kaj Romanidaj literaturoj, kaj la malnovaj Armenaj verkoj estas pli originalaj, pli interesaj en ĉiuj rilatoj ol tiuj de l' malnovaj Slavaj literaturoj.

Ŝajnas, ke Armenio havis sufiĉe riĉan idolanan literaturon, sed tiu ĉi estis neniigita, dum la Kristanigo de la lando, de la Armenoj mem, kiuj sin dediĉis poste al la tradukado de Grekaj libroj. Post la elpenso de l' alfabeto, la literaturo tiel prosperis, ke la Va jarcento meritas esti nomata „ora epoko“. La junularo, sendita al Konstantinoplo kaj Ateno, tradukas la Biblion, la Grekajn ekleziajn librojn kaj filozofojn, redaktas historiajn, teologiajn kaj poeziajn verkojn, fondas nacian „skriban“ literaturon, imitatan el la Bizanca kaj Siria, kaj prilaboras por ĉiam la Armenan animon laŭ la okcidenta.

Oni povas diri, ke la Armena legendaro, laŭ la publikigitaĵoj, se ĝi ne estas eksterordinare riĉa, tamen rimarkinde konservis kaj transdonis al ni malnovajn kaj interesajn rakontojn. Entute ĝi havas Azian aspekton, kio ne mirigas; sed ĝi kurioze proksimiĝas ankaŭ al la tradiciaj riĉaĵoj de l' Slavaj popoloj.

La klasika literaturo estas ekskluzive Kristana, kiel la Bizanca kaj Siria. Ĝi konsistas el religiaj himnoj, mistikaj meditoj, komentarioj de l' Sanktaj Skriboj kaj de l' ekleziaj libroj, teologiaj disertoj, el poemoj historiaj, hagiografiaj, gnomikaj, didaktaj, erotikaj, el verkoj medicinaj, astrologiaj, filozofiaj, el sennombraj tradukaĵoj de Grekaj kaj Siriaj verkoj, el kiuj kelkaj ekzistas nur dank' al la Armena traduko, kaj fine el longa serio de kronikoj, el kiuj kelkaj estas rimarkindaj kiel literaturaĵoj, kaj la pli multaj estas konsiderataj de l' Eŭropaj sciencistoj kiel valoraj dokumentoj fiksantaj ne nur la historion de l' Armena raso, sed donantaj amason da informoj pri la multnombraj orientaj popoloj, kun kiuj rilatis la Armenoj.

Krome ekzistas malnova laika poezio, en komuna lingvo, esprimanta la plej humanajn sentojn de l' koro kaj kunmetita de la Armenaj popolkantistoj. Tiu ĉi poezio libera, kun ĉarma kaj viva allogo, ofte originala kaj forta ĝuo, konsistigas la plej vivantan kaj plej karakterizan parton de l' malnova Armena literaturo. La kvarversoj de Nahabed Kuĉak, la plej pura perlo de tiu poezio, povas esti klasataj inter la paĝoj, kie la plej bonaj poetoj de ĉiuj nacioj esprimis la mildan suferon de l' animo. La sento de l' homa malforteco antaŭ la fatalaĵoj de l' fortoj inspiras tonon de infana kaj delikata mildeco al ĉi tiu kantisto de l' amo. La plej fama el la tiutempaj verkistoj estas la historiisto Moiso de Khoren, alnomita Herodoto de Armenio, post kiu sinsekve venas Lazaro de P'arb (Va jc.), Eznig (VIa jc.), Tomaso Ardzruni kaj Johano VIa Catholicos (IXa jc.), Stefano Acocigh (Xa jc.), Gregorio Magistros kaj Aristages de Lasdiverc (XIa jc.). La reĝlando Malgrand-Armenio havis ankaŭ siajn verkistojn, i. a. la vera poeto Nerses Glaieci aŭ la Gracia (XIIa jc.).

La moderna literaturo estas pli vasta, pli varia, pli libera. Fondita kaj kulturita de homoj liberpensaj kaj edukitaj plejparte en Eŭropaj universitatoj, ĝi enhavas la plimulton de l' specoj, stiloj, tendencoj filozofiaj kaj estetikaj, de l' okcidentaj nuntempaj literaturoj, kies ĉefajn fazojn ĝi sekvis, konservante tamen en sia fundamenta strukturo forte Armenan stampon. Ĝi estas certe unu el la plej riĉaj, plej liberaj kaj, en kelkaj pecoj, unu el la plej originalaj inter la modernaj literaturoj de l' orientaj popoloj. Nalbandian, unu el la fondintoj de l' moderna literaturo, estis disĉiplo kaj amiko de Herzen; Osganian, la granda Armena publicisto, estis tre ŝatata de Mazzini kaj Cavour, same Kaĉatur Abovian, konata pro sia pamfleto „La vundo de Armenio“, direktita kontraŭ la Rusa kaj Turka tiranoj.

En la XIXa jc., havante nenie sian propran centron, la Armenoj sciis doni modernan literaturon al Rusa Armenio kaj alian al Turka Armenio.

Koncerne la nuntempan literaturon, ĝi estas regata de virenergia spirito. La Armenaj poetoj, romanverkistoj, dramaŭtoroj, satiristoj, publicistoj de l' XIXa jc. kuraĝe revivigis, sub renovigita kaj pli vasta formo, la luman kaj fortan inspiron de l' idolana Armena poezio.

La plej citindaj verkistoj de la lastaj kvindek jaroj estas: la historiistoj J. Daŝian, Galust Ter-Mekertiĉian, K. Kostanianc, la prozistoj Avetis Aharonian [1], V. Papazian [1], H. Tumanian [1], Leon Chanth, la poetoj Varujan, Tumanianc, Hovhanessian, Ĉobanian, Tzaturianc, la romanverkistoj Raffi, Ŝiŝmanian, Atrpet, Ŝirvanzade, kaj la publicistoj Panossian, Ardzruni, Arpiarian, Keĉian, Leo, Varandian, Malumian, Eremian, kies „Armenaj Vesproj“ akiris tiel meritítan sukceson.

Ŝah-Muradian estas ĉarma kantisto, same kiel fratinoj Babaian. Inter la pentristoj kaj skulptistoj notindaj estas: Edgar Ŝahine, kiel pentristo, akvafortisto kaj gravuristo,

[1] El kiuj estas kelkaj tradukaĵoj en Esperanto, kiel ekz. „Guleton de lakto“, „Morituri vos salutant“, „Rondaj dioj“, „Saĝaj kokoj“, „Hundo kaj Kato“, „Ajcatur“, „Patrino“, k. a.

S-ino Babaian Carbonel kun sia pentrajo „La Legado“, Niŝanian kun sia esprimoplena sceno „Armena Edziĝo en Muĥo“, Ŝabanian kun sia potenca „Luna Brilo“, Alhazian, montranta al ni unu el la plej malgajaj spektakloj de Finnlando, Ch. Ataman, Z. Zakarian, k. a.

La Armena jurnalaro, kiel en Rusio tiel en Turkio, brilis kaj ankoraŭ brilas. *Massis*, fondita en 1851, estis dum tridek jaroj la plej grava ĉiutaga gazeto en Konstantinoplo, konkuranta kun la plej bonaj Eŭropaj organoj. *Azatamart*, *Puzantion*, *Jamanak* alportas sian obolon al la Armena intelekta movado. En Parizo, kiu estis ĉiam intelekta centro por la Armenoj, ili havas kolegion (Hajgazian), presejojn, jurnalojn, kiel ekz. *Hamalsaran* (Universitato), *Anahid*, *Arménie*, *Pro Armenia*, *Veradznunt* (Renaskiĝo), *Artzakank Parisi* (Eho de Parizo), k. a. La Armenoj unuaj fondis gazetaron en Oriento; depost 1794 aperas en Calcutta periodajo *Azdarar*, kaj de 1803 alia, *Yeghanak Buzantian*, en Venezia, *Pordz* en Tiflis.

En la tuta mondo, la sama nacia ambicio grupigis ĉiujn Armenojn, ĉar, dissemita de la malfeliĉo aŭ de la komerco, la nacio havis komunumojn ĉie. En Rusio, Persio, Eŭropo, Hindio, Ameriko, la Armenoj amasigis grandegajn riĉajojn, kiujn ili metis je la servo de l' nova ideo.

La malkvieta ekzisto de malnova Armenio ne malhelpis al ĝi, brili ankaŭ en la kampo de la skulptarto, pentrarto, kaj precipe en la religia arkitekturo.

La kupolo de Sankta-Sofio en Konstantinoplo, faleginta dum la tertremo en 989, estis rekonstruita de Tiridato, Armena arkitekto, kiu partoprenis en la restarigo de l' monumentoj de Ani. Se oni vizitas la ruinojn de Ani, oni tuj rimarkas, komparante la datojn, ke la Romana arkitekturo trovas sian originon en Armenio. La arthistoriistoj konstatas, ke en la arkitekturo, de V[a] ĝis IX[a] jc. post Kristo, la Armenoj estis inventantoj.

La Armena muziko distingiĝas per la profundeco kaj pureco de sento en la preĝejaj himnoj, kaj per la rava ĉarmfreŝeco de la popolkantoj.

La aktiveco de l' Armena elemento aperas ankaŭ en la publika instruado kaj lerneja organizado. La Armenaj lernejoj estas multaj kaj pli bonaj ol tiuj de ĉiu alia gento en Turkio. Speciale valora estas la fakto, ke ili estas konstruitaj per la memvolaj oferdonoj ne sole de riĉaj Armenoj, sed ankaŭ de multaj personoj de l' popolo kaj de malriĉaj komunumoj. Jam en 1903 oni kalkulis en Turkio 818 Armenajn lernejojn kun pli ol 82,000 gelernantoj. Ili dependas de l' Konstantinopla patriarkio. Al tiu nombro devas esti aldonataj la lernejoj de l' katolikaj kaj protestantaj Armenoj, same kiel la privataj lernejoj. La proporcio de la lernejoj, lernantoj kaj profesoroj estis plej grava en la Rusa parto de Armenio. La nombro de l' studentoj en la Rusaj, Eŭropaj kaj Amerikaj universitatoj superas 15,000. De tie la junularo ĉerpis la ideojn kaj sentojn de liberala Eŭropo. Grupo da Armenoj fondis, en kelkaj urboj de Persio, popolajn universitatojn laŭ ekzemplo de la Parizaj. La unua Eŭropa teatro en Konstantinoplo estas fondita ankaŭ de Armenoj.

Jurnaloj, revuoj vekis la nacian konscion en ĉiuj komunumoj. Florado de literaturistoj, disĉiploj de l' okcidentaj romantikuloj, laborantoj de la demokratia kaj nacia aferoj, ekprenis la rolon de popolaj kondukantoj kaj ideaj semantoj. Iliaj dramoj, kantoj, kun noblaj sentoj, estis sciataj de l' tuta nacio.

La Armenoj posedas multajn societojn sciencajn kaj politikajn. La plej gravaj estas „Taŝnakist“ kaj la „Hunŝak“. Ilia celo estas favori ĉion, kio povas helpi al la realigo de tiu idealo ĉiam estanta en la penso de ĉiu Armeno: la administra sendependeco de Armenio sub la kontrolo kaj protekto de l' grandaj potencoj Eŭropaj.

La sendependeco de Armenio estas proklamita antaŭ nelonge de la Armena Nacia Delegitaro, kiu havas ĉe sia fronto Nubar Boghos-Paŝa. Jen fine realigita la bela kaj de multaj jarcentoj alcelita revo de l' Armenoj. Ni esperu, ke la nenuligebla rajto al sendependeco kaj suvereneco de tiu simpatia popolo estos rekonata de ĉiuj. Oni ja vidis, ke la Armenoj estas ne sole reprezentantoj de popolo, kiun oni ne devas forgesi, ĉar ĝi suferas, sed kiun oni devas admiri, ĉar, malgraŭ la foresto de ĉiu sociala publika organizajo, ĝi trovis la rimedon, meze de siaj suferoj, havi talenton, eĉ genion.

Ni bondeziru, ke baldaŭ ilia revo plenumiĝu, ke unu nova Armenio, ĉirkaŭata de amikoj, liberigita je malbona mastro, akiru fine sian rajton al la vivo kaj daŭrigu la flugon de perforte interrompita evoluo, por rebruligi la estingitan fajrujon, rekonstrui la detruitan domon, sin rededIĉi al laboro kaj tiun ĉi fojon por si mem, en la patrolando libera kaj sendependa!

*Iv. H. Krestanov.*

---

# El historio kaj vojoj de la kontraŭtuberkuloza batalo

## II

La plua preciza ekkono de tuberkulozo montris, ke ĝi apartenas al la plej malbonaj infektmalsanoj, kiujn ni konas, kaj ke ĝi estas unu el la plej danĝeraj malamikoj de l' homaro. Ĝi estas treege disvastigita kaj tre mortiga. Aliaj infektmalsanoj, kiuj akute de tempo al tempo aperas sub formo de severaj epidemioj, treege timigas homojn. Dume la malfeliĉo kaŭzata de tuberkulozo, kiu estas ĉiama akompananto de la homaro, estas multe pli granda. Ĝenerale estas pruvite, ke el tri homoj mortantaj en aĝo de 15—60 jaroj unu iĝas kutime viktimo de ftizo. La malsano kaŝe invadas organismon, kaj ĝi povas kaŝmaniere pereige agadi, ne malkovriĝinte per okulvideblaj simptomoj, kaj ofte oni la malsanon ekvidas nur tiam, kiam ĝi jam altgrade kaj okulvideble konsumigis organismon. La malsanulo suferas kaj ne povas plu laboradi. La familio kaj socio perdas laboreman kaj produkteman individuon. La longedaŭro de la malsano efikigas, ke la malsanulo povas fariĝi danĝera fonto de infektigo kaj financa ŝarĝo de la ĉirkaŭantaro. La tuberkulozo senlaborigas homon en vivaĝo, en kiu laboro estas plej fruktodona, t. e. inter la 20—50[a] jaro; ĝi estas transportebla kaj disvastigebla amase, kaj ĝi plej ofte atakas la plej produktajn kaj utilajn laboristojn. Tial oni konsideras tiun ĉi malsanon kiel popola kaj socia, kaj la kontraŭbatalo de tuberkulozo hodiaŭ tiel graviĝis kaj pligrandiĝis, ke ĝi fariĝis granda kaj malfacila socia afero. En Francio mortis ĉiujare je ftizo antaŭ la milito ĉirkaŭ 150,000 homoj (laŭ Landouzy) kaj ĉe ni en Polio, en t. n. reĝolando, ĉirkaŭ 25,000 homoj (laŭ Dunin) kaj en Malgrand-Polio (Galicio) ĉirkaŭ 29,000 homoj (laŭ Janiŝevski). La mortaleco pro tuberkulozo estas en Krakovo kaj Lvovo kvarfoje pli granda ol en Berlino kaj sesfoje ol en Kopenhago (laŭ Janiŝevski). Krom tio la nombro de ftizuloj, kiuj senvole estas ŝarĝo senprodukta por la socio, estas grandega, kaj ĝi atingis antaŭ la milito en Germanio 120,000 da homoj, en Anglio 170,000, en Francio 170,000, en Italio 120,000. En Polio, laŭ Kuĉevski, la nombro de tuberkulozaj invalidoj atingas 200,000. Nenio mirinda, ke la Anglaj kuracistoj nomis tiun ĉi sortobaton de homaro „pesto de la blanka homo“.

Kiel ni do vidas, la afero de batalo kontraŭ tuberkulozo fariĝis iom post iom socia demando. Estas intereso de la socio, uzadi ĉiujn disponeblajn rimedojn por konservi ĝiajn homajn rezervojn en sanstato kaj en taŭgeco por produkta laboro, kaj frutempe kuraci la malfeliĉajn viktimojn de tiu ĉi malsano; plie, ĉiu ano de kultura socio havas rajton postuli, ke lia sano estu ŝirmata kontraŭ danĝero de malsano, minacanta al li sur ĉiu paŝo. Ĝi estas mirinda signo de nuntempo, kaj kvazaŭ revolucio de ideoj, ke medicino, kaj precipe batalo kontraŭ tuberkulozo, kiu estis antaŭe ĝenerale individua, aliiĝis hodiaŭ kaj fariĝis socia, kaj eĉ dank' al internaciaj kongresoj kaj internacia kunlaboro ĝi fariĝis internacie organizata batalo. Tiun ĉi opinion esprimas la eksprezidanto de Usono, Roosevelt, en sia letero skribata al Komitato de dua kongreso internacia kontraŭtuberkuloza en Washington, per sekvantaj vortoj: „Unuiĝante en tia batalo kontraŭ komuna malamiko, la popoloj de la mondo alproksimiĝas kaj kunlaboras por pli bona realigo de homara interfrateco; la unuigo de interesoj kontraŭ komuna malamiko, vivigas la universan amikecon."

La kuracistoj atentigis la publikan opinion pri tiu ĉi danĝero. Ili atentigis pri infekteco, sed ankaŭ pri sanigebleco de tuberkulozo kaj pri ebleco sin gardi de ĝia disvastiĝado. Estas granda kaj komplikita problemo, per kiuj rimedoj oni devas penadi al la celo. En tiu ĉi laboro antaŭeniras la kuracistoj. En Francio profesoro Landouzy, unu el plej gloraj klinikistoj, ekstaris fronte de kontraŭtuberkuloza batalo. Ĉe ni en Polio kun tiu ĉi batalo estas kunligitaj nomoj de Baranovski, Dunin, Sokolovski, Dluski, Janiŝevski, Kuĉevski, Sterling, k. a. La kuracistoj alvenis al konkludo, ke por sukcesa kontraŭtuberkuloza batalo estas nepre necese, ke la socio konvinkiĝu, ke tiu ĉi batalo estas bezona, ke la malamiko, kiun oni kontraŭbatalas, povas esti venkota nur per grandaj sociaj penoj. Ĉar la afero ne estas facila. Facile ja estas izoligi kaj kuraci tian akutan malsanon kiel ekzemple ventran aŭ ekzantemán tifon, skarlatinon, variolon, disenterion kaj similajn, ĉar la kuracado de ili daŭras kelkajn semajnojn. Kontraŭe, malfacile oni povas al si imagi rigoran izoladon kaj kuracadon de tuberkulozo, kiu daŭras monatojn kaj jarojn, kaj samtempe enlokigon en sanigejoj de malsanuloj, atingantan dekmilojn, ja eĉ centmilojn. Tiuj ĉi cirkonstancoj malfaciliĝas per sociaj vivkondiĉoj, kreataj de modernaj vivkondiĉoj, dank' al kiuj la proletariaro treege plinombriĝis kaj la popolo translokiĝas senĉese el vilaĝoj kaj el malgrandaj kolonioj al pli grandaj urboj, kie aperas ĉiutage novaj fabrikaj kaj industriaj centroj. Samtempe tropleniĝas loĝejoj, kaj vivkondiĉoj fariĝas ĉiutage pli malfacilaj kaj artefaritaj. Aliflanke parto de individuoj infektitaj de tuberkulozo en grandaj urboj revenas vilaĝon, kaj tie, loĝante en malbonaj higienaj kondiĉoj, fariĝas centroj de infekto.

Kiaj do estas vojoj kaj rimedoj por kontraŭtuberkuloza batalo? Oni povas ilin dividi en du ĉefaj kategorioj: 1ᵉ la *medicinaj*, celantaj al kuracado de malsanuloj; 2ᵉ la *sociaj*, celantaj al profilakto kaj ŝirmo kontraŭ tuberkulozo.

Al kuracistaj rimedoj apartenas: 1ᵉ La *dispensarioj*, t. e. kuracistaj oficejoj, kiuj prezentas kvazaŭ avangardon, celantan malkovri la kazojn de tuberkulozo kaj disvastigi higienon kaj kontraŭtuberkulozan edukadon, komence en la hejmo, poste en laborejo, magazeno kaj fabriko. Ili kvazaŭ elserĉas malsanulojn, esploras ilin kaj iliajn familianojn por malkovri la plej fruajn kazojn de malsano, kaj alportas diversspecan helpon, kiel nutraĵon, lignaĵon, litaĵon kaj hejtaĵon; ili disdonas higienajn avertojn, kraĉujojn, ili lavas lignaĵon, desinfektas kaj purigas loĝejojn. Fine la klopodo de dispensario estas direkti kaj alkonduki malsanulojn al sanatorioj kaj malsanulejoj. La kuraca tasko de dispensario estas do nur limigita kaj parta.

2ᵉ La dua kuracista rimedo estas *sanatorio*. En ĝi troviĝas la malsanulo tute izoligita je malutiligaj cirkonstancoj, en kiuj naskiĝis lia malsano, kaj kiuj minacis per ĝia plua evoluo. Per helpo de bona aero kaj nutraĵoj, per konvena vivkondiĉo, kuraciloj kaj per ĝusta higiena edukado, ĝi estas hodiaŭ unu el la plej fortaj kaj plej bonaj sanigiloj kontraŭ tuberkulozo, precipe kontraŭ la kuracebla malsano. La persanatoria kuracomaniero komenciĝis el privata iniciato kaj per privata monhelpo. En lastaj jaroj ĝi ĉiam pli sociiĝas. Ĉiam pli ofte diversaj sociaj institucioj, kiel malsankasoj, asekuroj kaj diversaj aliaj societoj, urbestraroj kaj eĉ ŝtatoj partoprenas en fondado de sanatorioj kaj tiamaniere uzas publikajn kapitalojn por racia kuracado, por atingi tiamaniere plej bonan kuracorezultatojn kaj ebligi kuracadon al popolo malpli riĉa. Kun sanatorioj estas precipe en Francio kunligitaj monhelpoj, celantaj flegadon de individuoj forlasintaj sanatorion, kaj atenton pluan kaj kontrolon, por ke ili denove ne eniĝu en malutilaj kaj nehigienaj kondiĉoj de la vivo.

3ᵉ La tria kuracista rimedo estas *kontraŭtuberkulozaj malsanulejoj*, destinitaj por malsanuloj, kies malsano estas jam tiom progresinta, ke la ŝanco de sanigo estas malgranda kaj necerta, kaj infekteco por la ĉirkaŭantaro estas senduba. Ĉi tie regas kiel ĉefa tasko uzi ĉiun eblan rimedon por sanigi malsanulon, mildigi lian suferon kaj samtempe por eligi eblan fonton de infekto el sana ĉirkaŭantaro.

Plua rimedo jam duone kuracista kaj duone socia estas *zorgado pri infanoj*, celanta ŝirmi infanojn kontraŭ tuberkulozo. Temas pri tio, por ke geinfanaj kandidatoj aŭ suspektataj pri tuberkulozo por pli longa aŭ mallonga tempo estu fortirataj el malkonvenaj vivkondiĉoj kutimaj, kaj lokataj en pli bonajn, estu plifortigataj, ŝirmataj kaj profilaktataj kontraŭ tuberkulozo. Tion ĉi celas la libertempaj kolonioj, vilaĝaj kolonioj, duonkolonioj, arbaraj lernejoj, infanaj ĝardenoj, ekskursoj, vojaĝoj libertempaj, parkoj popolaj por infanludoj, k. t. p. La samon celas zorgado pri la fizika edukado de infanoj.

La *sociaj rimedoj* celas ne kuracadon de tuberkulozo, sed unuanure kaj ekskluzive la ŝirmon kaj profilakton kontraŭ tuberkulozo. La plej grava rimedo socia estas *higiena edukado*, kiu celas veki en la socio la instinkton de memkonservo per akcepto de higienaj kutimoj kaj vivmaniero. Ĝi devas komenci dum plej juna aĝo kaj esti daŭrigata en lernejoj de plej malalta ĝis la plej alta ŝtupo, hejme, en armeo, en vivo privata, religia kaj publika. Grava faktoro estas detruado de kraĉaĵoj. Pureco, sano kaj sobreco estas kunligitaj per forta kaj ne disŝirebla ligilo kun belo, bono, utilo kaj noblo. Tre grava afero estas instruado de patrinoj. „Instruante patrinon", diras Landouzy, „oni ĉiufoje fondas malgrandan lernejeton."

Krom higiena edukado apartenas al sociaj rimedoj la *plibonigo de loĝejkondiĉoj, de laborkondiĉoj kaj de nutromaniero*. Jen estas kampoj por tre vastaj sociaj reformoj. Jam antaŭ la milito regis tie aranĝoj malĝustaj. Post la milito multe plimalboniĝis higienaj vivkondiĉoj; la loĝejoj, lernejoj, laborejoj, fabrikoj kaj oficejoj estas tro plenigitaj kaj malhigienaj. Malpureco, polvo, interpremo regas preskaŭ ĉie en stacidomoj, vagonaroj, atendejoj, sur stratoj kaj vojoj. Mi ne priparolas la kafejojn kaj drinkejojn, kien la homoj libervole eniras por pasigi tempon en difektita kaj infektita aero. La afero de loĝejoj estas tre grava, ĉar estas pruvite, ke mortaleco pro tuberkulozo iras paralele kun la denseco de loĝantaro en loĝejoj, kaj ke en kvartaloj de urboj, kiuj estas pli dense okupataj, la mortaleco pro ftizo estas tri- aŭ kvaroble pli granda ol en pli riĉaj urbopartoj. Kiamaniere klopodas ĉi-rilate nacioj kun alta kulturo, tion atestas Angloj, kiuj antaŭ la milito ne hezitis elspezi miliardojn por detru-

ado de domoj kaj tutaj urbkvartaloj malsanaj, por tiamaniere plibonigi la higienajn kondiĉojn de urboj. La Angloj aranĝis ankaŭ specialajn komisionojn por esplorado de sanecaj kondiĉoj de urboj. Grandegajn verdajn parkojn, dislokitajn en urboj, ili fiere nomas „pulmoj de urbo". Same tre grava afero estas penado al plibonigo de nutromaniero kaj kontrolo de nutrajoj, precipe veterinara kontrolo de staloj kaj bovejoj, por forigo de malsanaj bestoj, kaj kontrolo de viando, graso, laktajoj kaj aliaj nutrajoj, kiuj povus disvastigi tuberkulozon. Plue estas grava afero socia la reguligo de laborkondiĉoj kaj enkonduko de higienaj kondiĉoj konforme al diversaj laborspecoj. Grava faktoro socia estas kuracistaj esploroj kaj ne allasado de ftizuloj al tiaspecaj oficejoj kaj agejoj, kie ili povus, dank' al senpera kontakto, esti fonto de infekto por aliuloj. Fine la t. n. higieno de rasoj, disvolviĝinta en lastaj jaroj, postulas nepre kuracistan esploron de individuoj edziĝontaj kaj edziniĝontaj, por ŝirmo de socio kontraŭ naskigo de malfortaj kaj tuberkulozemaj idoj. Ĉiam pli multaj ŝtatoj enkondukas devigan avizon de kuracistoj al estraroj pri ftizuloj.

Por atingi plibonigon de kondiĉoj kaj por des pli sukcesplena kontraŭbatalado de ftizo ekzistas specialaj societoj, verkoj kaj internaciaj sciencaj kaj higienaj kongresoj, ankaŭ diversaj sindikatoj kaj kooperativoj. Kelkaj ŝtatoj forte antaŭenpuŝis la aferon. Ekz. en Danio estas al ĉiuj ftizuloj senescepte ebligita akcepto kaj kuracado en specialaj institutoj. La Germanoj enkondukis ŝtatan devigan socian asekuron kontraŭ malsanoj kaj labornekapableco, kiu enhavas ankaŭ agadon kontraŭ tuberkulozo. Ankaŭ Anglio enkondukis en 1911 socian asekuron. En Polio kreiĝis ministerio por sanecaj aferoj kun aparta fako kontraŭtuberkuloza.

„La helpo en afero de tuberkulozo" diris la estinta prezidanto de la Franca respubliko, Casimir Périer, „restas en firma interrilato kun la solvo de plej komplikaj ekonomiaj problemoj, kaj ĉiu formulo restos senfrukta, kiu ne estos apogita sur bazo de materia kaj morala plibonigo de la mondo. La batalo kontraŭ tuberkulozo postulas mobilizadon de ĉiuj sociaj fortoj, publikaj kaj privataj, oficialaj kaj libervolaj; ĝi postulas unuiĝon de ĉiuj homaj fortoj." Al la supreciitaj vortoj mi povas aldoni, ke la rerigardo en historion de homaro devas en ni veki optimismon, kiam ni al ni rememorigas, kiel kruelege turmentis kaj pereigis iam la homaron la terura variolo. Tiu ĉi malsano ekstermis la loĝantaron kaj alkondukis al entuta senhomigo kaj pereo de multaj homaj kolonioj. Kaj tamen spite de ĉio la homaro sukcesis venki tiun ĉi infektegon. Sammaniere per streĉo de fortoj, kaj per progreso de kulturo ĝi sendube sukcesos ankaŭ la kontraŭtuberkulozan batalon konduki al venko.

*D-ro Maksimiliano Blassberg* (Krakovo).

---

# Sistemo Taylor kaj terkulturo

Ĉu la sistemo Taylor estas aplikebla al terkulturo? Unuavide oni estus inklina respondi nee. Efektive, la terkulturaj okupoj estas tiel multaj kaj tiel variaj, ke ŝajnas malfacile apliki al ili unuforman metodon, kiel ajn perfektan. Tamen, se oni pensas pri la nekontesteblaj avantaĝoj rezultantaj de scienca labororganizo, kial ankaŭ la tasko de la terkulturisto ne povus konformiĝi al la ĝeneralaj kondiĉoj?

Oni ofte kredas erare, ke la sistemo Taylor estas io tre komplika, kies praktikado necesigas la renverson de la ekzistanta organizo, kiel ankaŭ jarojn de antaŭlaboroj kaj gravajn elspezojn. Tio ne estas vera; la sistemo Taylor ĝuste celas plisimpligi la organizon. Ĝi enhavas nenion revolucian kaj nur estas tute simple racia evoluo de la nunaj metodoj. Ĝi estas aplikebla al ĉiuj entreprenoj komercaj, industriaj, terkulturaj. Ĝi tute ne postulas, kiel iuj kredas, ke oni estu konstruisto-mekanikisto, fabriku maŝinojn po grandaj serioj kaj faru konstante la saman laboron.

La principoj de Taylor aplikiĝas al ĉiaj ajn laboroj, kompreneble nek tute same, nek tiel precize en ĉiuj okazoj, sed la ĉefaj principoj restas. Ĝuste ĉar oni ofte kredas, ke la metodo devas ĉiuokaze esti uzata kun absoluta rigoro kaj laŭ netuŝebla formulo, la aplikoj estas tiel maloftaj kaj iafoje malsukcesaj. La plena sistemo Taylor devas iel esti rigardata kiel idealo, al kiu oni penu alproksimiĝi. Sed en la praktiko oni apliku la metodojn nur laŭ la eblaj limoj.

Ni memorigu, ke la bazo de la sistemo Taylor enhavas la ideon de maksimuma produktado en difinita tempo aŭ alivorte la plenumon de difinita laboro en minimuma tempo. Oni per atenta studo rigore determinas la minimuman tempon, en kiu devas plenumiĝi difinita laboro, montras klare al la laboristo, kiel li devas agi en tiu minimuma tempo sen trolaboro kaj, se li sukcesas, donas al li laŭproporcian pagon.

Kia ajn estas la labormetodo nun uzata en industrio aŭ terkulturo, oni povas diri, ke entute la laboristo mem estas la sola juĝanto koncerne la daŭron de la laboro al li komisiata, per aliaj vortoj li uzas la tempon, kiun li volas, ĉu en la laŭhora, ĉu en la laŭtaska laboro.

Ni ĉiuj laŭsperte scias, ke en la laŭtaga aŭ laŭhora laboro, krom se temas pri escepte facilkontrolebla laboro, la entreprenisto plej ofte ne povas distingi la individuan produktadon de siaj laboristoj. Tiam okazas, ke tiuj ĉi produktas nur laŭ malalta mezkvanto, ĝuste sufiĉa, por ke la entreprenisto ne riproĉu. La laŭtaska laboro ŝajnas principe pli justa: la laboristo estas pagata laŭ la plenumitaĵo. Bedaŭrinde, en la praktiko, tiu sistemo naskas plendojn kaj eĉ konfliktojn, ĉar la fiksado de la tarifoj, t. e. la fiksado de la tempo necesa por plenumi difinitan laboron, estas ofte arbitra kaj fantazia.

La ĵus cititajn malpraktikaĵojn ĝuste celis eviti Taylor. Anstataŭ lasi la laboriston labori laŭ lia plaĉo en la tempo, kiun li bontrovos, oni kontraŭe indikas al li, kiel li devas agi por atingi maksimuman produktadon. La sistemo Taylor do necesigas du malsamajn servojn: unuflanke la aranĝo kaj preparo, ekskluzive prizorgataj de la direktantaro; aliflanke, la efektivigo, t. e. la laboristoj kaj iliaj ĉefoj. La intima kunlaboro de ambaŭ servoj devas realigi la du jenajn taskojn: 1e trovi per kiaj rimedoj la laboro estas farebla en minimuma tempo kaj fiksi tiun ĉi; 2e atingi, ke la laboristo konformiĝu al la donotaj indikoj kaj en la fiksita tempo.

Sciante tion, oni konvinkiĝos, ke la sistemo Taylor devas aplikiĝi tiel al la terlaboristoj kiel al la aliaj. La entreprenistoj aŭ la entreprenistaro devos atente observi kaj analizi la sinsekvajn operaciojn de difinita laboro, elimini el ĉiu operacio la kaŭzojn de la neutilaj aŭ lacigaj movoj per taŭgaj aranĝoj, noti ĉiujn eviteblajn tempoperdojn, plibonigi aŭ laŭeble anstataŭi la netaŭgajn ilojn, aparatojn aŭ maŝinojn. Poste oni observos, kiom da tempo bezonas tre bona laboristo metita en la plej bonaj kondiĉoj. La tiel mezurita daŭro povos servi kiel bazo por la apliko de la sistemo Taylor.

Ne estas eble ĉi tie priskribi la detalajn aranĝojn farotajn. La ĵus dirita sufiĉas, por montri, kiom sagaca estas tiu labororganizo. Kiel terkulturan aplikon ni menciu la eksperimenton pri senŝeligo de terpomoj, aluditan en la Bulteno de la Franca societo de civilinĝenieroj (decembro 1918):

La pezo de terpomoj ĉiutage senŝeligotaj por unu manĝo atingis 330 kg. Tiun laboron antaŭe faris ses virinoj laborantaj po-tage. La apliko de la sistemo Taylor estis rigore farita, tute kvazaŭ temus pri moderna maŝinlaborejo. La atingita rezulto estas pruva. La malpliiĝo de la manlaboristaro atingis 50 %; tri laboristoj povis facile plenumi la laboron antaŭe faritan de ses. La pliaItigo de salajro por la laboristoj atingis 25 % kaj la ŝparo por la ŝtato 35 %.

*A. Berthier.*
Trad.: *A. R.*

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **La divena vergo.** — La divena vergo [1], pri kies mirindaj efikoj ni havas raportojn jam de la 17-a kaj 18-a centjaro, estis prijuĝata en nia tempo tre diference. Dum la ekzaktaj sciencoj karakterizis ĝin kiel superstiĉon, aliaj klopodis interpreti la fenomenon mistike. Nur la unuiĝo en Germanio fondita por esplori la divenvergan problemon, havante en sia membraro eminentulojn sciencajn, sukcesis per siaj eksperimentoj alporti kelkan klarigon en la problemon. Sed kompletan klarigon ĝi ne povis doni. Malŝatante la diversajn teoriojn, la komunuma akvo-oficejo de la Bavara ĉefurbo München celadis atingi sukceson, uzante vergoportanton por konigi precize la ejojn, kie okazis akvotubaj rompiĝoj. La oficiale atestitaj sukcesoj estis ĝis nun tiom gravaj kaj multnombraj, ke eĉ la sciencularo devas formeti sian skeptikon. Singardo estas rekomendinda kontraŭ la misuzo, praktikata de la industriistaro ekspluatanta la divenan vergon. Ne estas decidiga por la rezultatoj la eco de l' vergo, sed la kvalito de la vergisto. Tuta literaturo el la 17-a centjaro rakontas al ni pri vergaj mirindegaĵoj. Laŭdire ministoj trovis fontojn ĉe lokoj, kie neniu supozis. En la mezo de la pasinta centjaro Reichenbach eksperimentadis kaj konstruis laŭ siaj spertoj la Odteorion. Bülow atingis en la 20-a centjaro ĝojigajn rezultatojn. En la okcidenta Afriko v. Uslar provis forigi la akvomankon per uzo de la divena vergo. Liaj raportoj pri Afrikaj subteraj akvofluoj ne estas atentitaj escepte de malmultaj. Sed tiuj malmultaj pruvis, ke en Afriko akvo estas trovita en lokoj, kie nek geologo nek inĝeniero ĝin opiniis estanta.

Jen la fenomenoj koncerne la manipuladon kun la divena vergo: Je la vergo ekvidiĝas rotacioj, kiuj estas konsiderataj kiel movoj refleksaj, derivantaj instinkte de la vergisto. La ekŝprucon de l' akvo ne klarigas la iama supozo de ia simpatio inter la du elementoj; la vergo kaj akvo. La procedo mem ne evidentigas ion pruveblan. Ankaŭ supozi ion sugestian, ne klarigas la aferon. Pli taŭgan rezulton oni atingis efikigante radioaktivajn substancojn al la elektroskopo. Per tio montriĝis efika potenco de l' akvo al radioaktivaj radiaĵoj. Ĉi tiuj eksperimentoj kondukis al la konstato, ke estas fiziologaj procedoj, kiuj okazas ĉe la uzado de la divena vergo. Se ĉe tio — oni diris — efikas iu forto, ĝi devas esti perceptebla iel. Fakte, eksperimentinte kun balono super riveroj, oni observis ŝanĝiĝojn de la nubaj tavoloj en alteco de mil metroj laŭlonge de la rivero. Jen malproksimaj efikoj sendube. Alia eksperimento, konsistanta el tio, ke estis substituata la vergisto per elektra aparato, malsukcesis.

En München oni sukcese uzas vergiston por trovi la tuborompejojn, kiuj alimaniere ne estas troveblaj. Kun neerara certeco oni malkovris la difektajn ejojn, iriginte la vergiston sur la asfalta pavimo. Pro ĉi tiuj faktoj oni ne povas plu nei la efikon de la divena vergo, skuante skeptike la kapon. Pli vere oni rajtas esperi, ke la scienco baldaŭ sukcesos doni precizan klarigon de l' fenomeno. — *Rippel.*

[1] A.: divining rod; F.: baguette divinatoire; G.: Wünschelrute; I.: bacchetta divinatoria.

∴ **El la historio de la pesilo.** — De la plej antikvaj formoj de la pesilo ĝis niaj modernaj instrumentoj la vojo estas longa. Ĝi kondukas de la plej primitiva epoko de l' homaro ĝis nia nuna tempo. En la München'a semajna gazeto „Freie Bahn“ aperis tre interesa artikolo montranta per riĉa materialo la iradon de tiu aparato.

Jam la plej antikvaj dokumentoj citas la pesilon kiel ĉiutagan ilon. En la Malnova Testamento estas dirite: „Ĝustajn pesilojn kaj ĝustajn pesŝtonojn ci uzu, ĉar neĝustaj pesiloj malplaĉas al Jahvo, sed ĝusta peso estas Lia plaĉo.“ La Instruo de Osiris de la Egiptoj donas al la pesilo, jam plurajn miljarojn antaŭ Kristo, gravan rolon; la juĝanto de la mortintoj pesas per ĝi la valoron de l'animo dum la vivo. Antikvaj Egiptaj tombopentraĵoj montras al ni la plenumon de la mortjuĝo per la pesilo, kiu iafoje ankoraŭ ne posedas montrilon, dum ĉe aliaj pentraĵoj sub la mezo de la egalbraka vekto pendas per tri ŝnuretoj aŭ metalfadenoj ia avelgranda pezilo. El tiuj ŝnuretoj la meza estas fiksita sub la pezocentro de la vekto, la du aliaj dekstre kaj maldekstre de ĝi. La montrilo kun maldika metalpinto de niaj nunaj pesiloj estis tiam anstataŭata de ia pendanta pezilo. Multdiversajn konojn pri la pesiloj de la Roma imperiestra tempo oni akiris ĉe la elfosadoj en Herculanum kaj Pompei. Sur skizoj oni vidas amoretojn laborantajn ĉe amboso kaj fajroforno, kiuj fabrikas pesilojn. Tiu ĉi laboro do apartenis al la kutimaj metioj de la antikva mondo. Ankaŭ tie ĉi ne estas trovebla montrilo ĉe la egalbraka vekto. Sed oni tiam jam ekkomprenis, ke ĉe preciza pesilo ambaŭ brakoj devas esti samlongaj kaj la tri pendlokoj sur unu sama linio. Bone konserviĝintaj pesiloj troviĝaj ĉe la elterigoj diferenciĝas de niaj instrumentoj ĉefe per tio, ke meze de ilia vekto troviĝas truo kun ringo, kiu samtempe formas akson, kaj estas uzata por pendigi la instrumenton. Anstataŭ tiu primitiva formo la modernaj pesiloj ripozigas la vekton sur ŝtala trianguleto, sur kies supra tranĉo la vekto preskaŭ senfrote povas balanciĝi. La precizeco de la pesado ĉe tiaj iloj ne estis tre granda, sed sufiĉis por la tiama komerco kaj industrio. Nur poste, kiam oni uzis sciencajn metodojn por la konstruado de la pesiloj, oni faris plibonigojn ĝis oni atingis la perfektecon de niaj ĥemi- kaj mikro-pesiloj.

Trad.: *Hansjakob.*

∴ **Rapidega kinematografio.** — Post la eltrovo de la kolorkinematografio, jen nova inventaĵo tre utila al scienco, nome la rapidega kinematografio. S-roj Abraham, E. kaj L. Bloch sukcesis ricevi en unu sekundo 20,000 ĝis 50,000 elektrajn fajrerojn per deŝarĝo de Leyde-botelo. Uzante tiujn fajrerojn kiel lumfonton, la sciencistoj povis kinematografi kuglon moviĝantan je rapideco de 50,000 fotografaĵoj po sekundo.

∴ **Sudpolusa ekspedicio.** — En Anglio prepariĝas grava sudpolusa ekspedicio sub la gvidado de S-ro John Cope. Ĝi intencas foriri de Nov-Zelando en julio 1920, atingi New Harbour ĉe la glacia barilo en decembro, starigi bazon ĉe la Ross-marbordo, poste foriri okcidenten en oktobro 1921 por esplori la tieajn regionojn ĝis la preskaŭ nekonata tero de Edvardo VII-a. Rondirinte la tutan antarktan kontinenton ĝi intencas reveni en New Harbour en 1925 aŭ 1926. S-ro Cope, kiu jam partoprenis en la ekspedicio Shackleton, kunigos multajn meteorologiajn kaj klimatajn observojn, kaj esploros la minriĉaĵojn antarktajn, kiujn li kredas gravaj.

∴ **Internacia Labor-Oficejo.** — La Administra Konsilantaro de la Internacia Labor-Oficejo diskutis pri la aranĝoj farotaj por instali la oficejon en Ĝenevo. Ĝi ankaŭ priparolis la preparojn por kunsido de la internacia laborkonferenco okazonta en Genova (Italio) je la 15 junio, kie estos diskutata la aplikado de la konvencioj akceptitaj en Washington al la maristoj. Oni projektas starigi konstantan komisionon, kiu konsistos el kvin ŝipoposedantoj, kvin maristoj kaj du eksterpartiuloj.



## LITERATURO



# Zinjo

Rakonto de **A. Ĉeĥov**

Grupo de ĉasistoj noktis en kampara kabano sur freŝa fojno. En la fenestrojn rigardis la luno, sur la strato malgaje ludaĉis harmoniko, la fojno elvaporigis dolĉetan, iom ekscitantan odoron. La ĉasistoj parolis pri hundoj, pri virinoj, pri unua amo, pri skolopoj. Post kiam estis traŝutitaj la ostetoj[1] de ĉiuj konataj sinjorinoj kaj estis rakontita cento da anekdotoj, la plej dika ĉasisto, simila en mallumo al fojnamaso, kaj parolanta per profunda staboficira baso, laŭte oscedis kaj diris:

— Ne estas granda artifiko esti amata: virinoj estas ja kreitaj por nin ami. Sed, sinjoroj, ĉu estis iu el vi malamata, pasie, furioze malamata? Ĉu iu el vi observis iam la ravojn de malamo?

Respondo ne sekvis.

— Neniu, sinjoroj? — demandis la staboficira baso. — Kaj jen mi estis malamata, malamata de beleta fraŭlino, kaj laŭ mi mem mi povis studi simptomojn de la unua malamo. De la unua, sinjoroj, ĉar ĝi estis io tute kontraŭa al la unua amo. Cetere, tio, kion mi tuj rakontos, okazis kiam mi ankoraŭ nek pri amo, nek pri malamo ion komprenis. Mi tiam estis okjara, sed tio ne malhelpas: tie ĉi estas grava ne li, sed *ŝi*. Nu, mi petas atenton.

Belan, someran vesperon, antaŭ sunsubiro, mi kaj mia guvernistino Zinjo, tre aminda kaj poezia kreitaĵo, kiu antaŭ nelonge estis absolvinta la kurson de instituto, ni sidis en la infanĉambro kaj lernis. Zinjo rigardis distre la fenestron kaj parolis:

— Tiel. Ni enspiras oksigenon. Nun diru al mi, Peĉjo, kion ni elspiras?

— Karbacidon, — mi respondis, rigardante la saman fenestron.

— Jes, — konsentis Zinjo. — La kreskaĵoj ja kontraŭe: ili enspiras karbacidon kaj elspiras oksigenon. Karbacido troviĝas en la akvo de selters, en la samovara haladzo ... Ĝi estas tre malutila gazo. Proksime de Napoli ekzistas la tiel nomata Hunda groto, entenanta karbacidon; la tien enlasita hundo sufokiĝas kaj mortas.

Tiu ĉi malfeliĉa Hunda groto apud Napoli estas ĥemia saĝo, kiun transpaŝi ne kuraĝas ia guvernistino. Zinjo estis ĉiam varmege defendanta la utilon de naturscienco, tamen en ĥemio ŝi verŝajne nenion sciis krom tiu groto.

Nu, ŝi ordonis, ke mi ripetu. Mi ripetis. Ŝi demandis, kio estas horizonto. Mi respondis. Kaj en la korto, dum ni estis maĉantaj horizonton kaj groton, mia patro estis forveturonta por ĉasado. La hundoj blekegis, la ĉevaloj senpacience piedobatis kaj koketis kun la veturigistoj, la lakeoj plenigis la kaleŝon per pakaĵoj kaj diversaĵoj. Apud la kaleŝo staris duflanka veturilo, en kiu la patrino kaj la fratinoj estis veturontaj ĉe Ivanickioj'n por nomjartago. Hejme restis nur mi, Zinjo kaj mia pli aĝa frato-studento suferanta pro dentodoloro. Vi povas prezenti al vi mian envion kaj enuon!

— Do, kion ni enspiras? demandis Zinjo, rigardante la fenestron.

— Oksigenon ...

— Jes, kaj horizonto estas loko, en kiu, laŭ ŝajno, la tero kuniĝas kun la ĉielo ...

Sed jen ekmoviĝis la kaleŝo, post ĝi la veturilo ... Mi vidis, kiel Zinjo elpoŝigis iun papereton, ĝin konvulsie ĉifis kaj premis al la tempio, poste ruĝiĝis kaj rigardis la horloĝon.

— Do, vi memoru, — ŝi diris: — apud Napoli ekzistas tiel nomata Hunda groto ... — ŝi ree rigardis la horloĝon kaj daŭrigis: — kie, ŝajnas al ni, la ĉielo kuniĝas kun la tero ...

La malfeliĉulino ekmarŝis en granda eksciteco en la ĉambro kaj ankoraŭ foje rigardis la horloĝon. Ĝis la fino de nia leciono restis ankoraŭ pli ol duonhoro.

— Nun aritmetiko, — ŝi diris spiregante kaj foliumante la problemaron per tremanta mano. — Jen solvu la problemon N-ro 325, kaj mi ... mi tuj venos ...

Ŝi eliris. Mi aŭdis, kiel ŝi malsuprenflugetis la ŝtuparon, vidis poste tra la fenestro, kiel ŝia blua vesto trembriletis en la korto kaj malaperis post la ĝardena pordeto. La rapideco de ŝiaj movoj, la vangruĝo kaj la eksciteco min scivoligis. Kien ŝi forkuris kaj pro kio? Estinte saĝa ne laŭ aĝo, mi tuj konjektis kaj ĉion komprenis: ŝi kuris en la ĝardenon, uzante la foreston de miaj severaj gepatroj, por kolekti frambojn aŭ ĉerizojn! Mi ĵetis la problemaron kaj kuris en la ĝardenon. Mi alkuris al la ĉerizujoj, — ŝi ne plu estis tie. Preterpasinte la frambujojn, grosujojn, la budon de l' gardisto, ŝi iras tra la legomĝardeno al la lageto, pala, ektremanta je ĉiu brueto. Mi ŝteliras post ŝi kaj vidas, sinjoroj, la sekvontan. Sur la bordo de la lageto, inter dikaj trunkoj de du maljunaj salikoj, staras mia pli aĝa frato Saŝa; laŭ lia vizaĝo ne estas rimarkeble, ke li havas dentdoloron. Li rigardas renkonten al Zinjo kaj tute lia figuro, kvazaŭ per la suno, estas lumigita per esprimo de feliĉo. Kaj Zinjo, kvazaŭ oni ŝin pelus en la Hundan groton kaj igus enspiri karbacidon, iras al li apenaŭ movante la piedojn, malfacile spiregante kaj malantaŭen renversinte la kapon ... Laŭ ĉio estas videble, ke en la rendevuon ŝi iras la unuan fojon en ŝia vivo. Sed jen ŝi alproksimiĝas ... Duonminuton ili rigardas silente unu la alian kaj kvazaŭ ne kredas al siaj okuloj. Poste ia forto puŝas Zinjon je dorso, ŝi metas la brakojn sur la ŝultrojn de Saŝa kaj klinas sian kapeton sur lian veŝton. Saŝa ridas, balbutas ion sensencan kaj kun mallerteco de l' homo tre enamiĝinta metas ambaŭ siajn manplatojn sur Zinjan kapon. Kaj, sinjoroj, la vetero estas belega ... La monteto, post kiu subiras la suno, du salikoj, la verdaj bordoj, la ĉielo — ĉi ĉio kun Saŝa kaj Zinjo reflektiĝas en la lageto. Silento, vi povas prezenti al vi. Super la junko oriĝas milionoj da papilioj kun longaj antenoj, malantaŭ la ĝardeno oni pelas la brutaron. Unuvorte estis pentrinda bildo.

El ĉio vidita mi komprenis nur, ke Saŝa kisis Zinjon. Tio estas ne konvena. Se tion ekscios panjo, ambaŭ ili ricevos. Sentante, ke mi ial hontas, mi revenis en mian infanĉambron, ne atendante la finon de l' rendevuo. Poste mi sidis kun la problemaro, pensis kaj konjektis. Sur mia fizionomiaĉo naĝis triumfa rideto. Unuflanke estas agrable posedi fremdan sekreton, aliflanke — ankaŭ estas agrable konscii, ke tiaj aŭtoritatoj, kiel Saŝa kaj Zinjo, ĉiumomente povas esti de mi denuncitaj kiel ne konantaj mondajn konvenaĵojn. Nun ili estas en mia potenco, kaj ilia trankvilo dependas tute de mia grandanimeco. Mi ja montros al ili!

Kiam mi kuŝiĝis por la nokto, Zinjo laŭ kutimo venis en la infanĉambron por ekscii, ĉu mi ne ekdormis vestita kaj ĉu mi preĝis. Mi rigardis ŝian beletan, feliĉan vizaĝon kaj ridetis. La sekreto min plenplenigis kaj penadis eksteren. Estis bezone aludi kaj ĝui la efekton.

— Mi ja scias! — mi diris ridetante. — Hi-i!

— Kion vi scias?

— Hi-i! Mi vidis, kiel apud la salikoj vi vin kisis kun Saŝa. Mi vin sekvis kaj ĉion vidis ...

Zinjo ektremis, ruĝiĝis kaj, frapita per mia aludo, malleviĝis en la seĝon, sur kiu staris glaso da akvo kaj kandelingo.

— Mi vidis, kiel vi ... vin kisis ... — mi ripetis ridetante kaj ĝuante ŝian konfuzon. — Aha! Jen mi diros al panjo!

Malkuraĝa Zinjo fikse rigardis min, kaj, konvinkiĝinte, ke mi efektive ĉion scias, malespere ekkaptis min je mano kaj ekbalbutis per tremanta murmuro:

— Peĉjo, tio ĉi estas malnoble ... Mi vin petegas, pro Dio ... Estu viro ... diru al neniu ... Konvenaj homoj ne spionas ... Tio ĉi estas malnobla ... mi vin petegas ...

La malfeliĉulino, kiel fajron timis mian patrinon, sinjorinon virteman kaj severan — estas unue; due, mia ridetanta buŝego ne povis ne ofendi ŝian unuan, puran, poezian amon, tial vi povas prezenti

[1] Rusa esprimo anstataŭ „babilaĉi pri iu". — *(Rim. de trad.)*

al vi ŝian animstaton. Dank' al mi ŝi ne dormis la tutan nokton kaj matene aperis al teo kun bluaj randoj sub la okuloj ... Renkontinte Saŝa'n post la tetrinko, mi ne povis min deteni por ne subrideti kaj fanfaroni:

— Mi ja scias! Mi vidis, kiel hieraŭ vi kisis vin kun Fraŭlino Zina!

Saŝa rigardis min kaj diris:

— Vi estas stultulo.

Li ne estis tiel malkuraĝa kiel Zinjo, do la efekto malsukcesis. Tio min ekincitis ankoraŭ pli. Se Saŝa ne ektimis, li evidente ne kredis, ke mi ĉion vidis kaj scias; do vi atendu, mi pruvos al vi! Sin okupante kun mi antaŭ tagmanĝo, Zinjo ne rigardis min kaj balbutis. Anstataŭ min timigi, ŝi ĉiel estis antaŭserĉanta kun mi, skribante al mi la kvinojn[1] kaj ne plendante al la patro pro miaj malĝentilaĵoj. Estinte saĝa ne laŭ aĝo mi ekspluatis ŝian sekreton, kiel mi volis: mi ne lernis la lecionojn, marŝis en la lernoĉambro piedsupren kaj estis insultema. Unuvorte, se mi estus daŭriginta en la sama maniero, el mi fariĝus bonega fieksplutatisto.[2] Pasis unu semajno. La fremda mistero min incitetis kaj turmentis, kiel splito en la animo. Kiel ajn, mi volis ĝin elbabili kaj admiri la efekton. Kaj jen foje, dum tagmanĝo, kiam ĉeestis multaj gastoj, mi stultege ekridetis, ruze rigardis Zinjon kaj diris:

— Mi ja scias ... Hi-i! Mi vidis ...

— Kion vi scias? — demandis la patrino.

Mi rigardis ankoraŭ pli ruze Zinjon kaj Saŝa'n. Estis necese vidi, kiel ekflamis la junulino kaj kiajn kolerajn okulojn faris Saŝa! Mi mordetis la langon kaj ne daŭrigis. Zinjo iom post iom paliĝis, kunpremis la dentojn kaj nenion plu manĝis. La saman tagon, dum la vespera okupado, mi rimarkis en la vizaĝo de Zinjo krutan ŝanĝon. Ŝi ŝajnis pli severa, pli malvarma, kvazaŭ pli marmora, kaj la okuloj rigardis strange, rekte mian vizaĝon, kaj mi donas al vi mian honoran parolon, ke eĉ ĉe la rapidhundoj, kiam ili atingas lupon, mi neniam vidis tiajn frapegantajn, neniigantajn okulojn! Ilian esprimon mi bonege komprenis, kiam dum la leciono ŝi subite kunpremis la dentojn kaj trakribris:

— Mi vin malamas! Ho, vi malbona, abomena knabaĉo, se vi scius, kiel mi vin malamas, kiel estas al mi malplaĉa via tondita kapo, viaj malgraciaj, flankenstarantaj oreloj!

Sed tuj ŝi ektimis kaj diris:

— Tion mi diras ne al vi, sed mi ripetas rolon ...

Poste, sinjoroj, nokte mi vidis, kiel ŝi alproksimiĝis al mia lito kaj longe rigardis mian vizaĝon. Ŝi malamis pasie kaj ne povis plu vivi sen mi. La rigardado de mia malamata vizaĝaĉo fariĝis por ŝi necesa. Aliafoje, mi memoras, estis ĉarma somera vespero. Odoro de fojno, silento kaj tiel plu. La luno lumis. Mi estis marŝanta sur la aleo kaj pensanta pri ĉeriza konfitaĵo. Subite alpaŝas al mi pala, bela Zinjo, min kaptas je mano kaj sufokiĝante komencas:

— Ho, kiel mi vin malamas! Al neniu mi deziris tiom da malbono, kiel al vi! Komprenu ĉi tion! Mi volas, ke vi komprenu tion ĉi!

Ĉu vi komprenas: luno, pala vizaĝo spiranta de pasio, silento ... eĉ al mi, porkido, fariĝis agrabla. Mi aŭskultis ŝin, rigardis ŝiajn okulojn ... Komence tio estis al mi agrabla kaj nova, sed poste mi ektimegis, ekkriis kaj per tutaj fortoj kuris hejmen.

Mi decidis, ke plej bone estis plendi al panjo. Kaj mi plendis, rakontinte je tiu ĉi okazo ankaŭ pri tio, kiel Saŝa kisis Zinjon. Mi estis malsaĝa kaj ne konis la rezultatojn, alie mi estus konservinta la sekreton. Panjo, aŭskultinte min, indignis kaj diris:

— Ne estas via afero paroli pri tio ĉi, vi estas ankoraŭ tre juna ... Tamen, kia ekzemplo por infanoj!

Mia panjo estis ne nur virtema, sed ankaŭ taktoplena. Por ne fari skandalon, ŝi forigis Zinjon ne subite, sed iom post iom, sisteme, kiel oni ĝenerale forigas homojn konvenajn, sed ne tolerindajn. Mi memoras, kiam Zinjo estis de ni forveturanta, la lasta rigardo, kiun ŝi jetis sur la domon, estis direktita al la fenestro, kie mi sidis, kaj mi certigas vin, ke ĝis nun mi memoras tiun rigardon.

Zinjo baldaŭ fariĝis edzino de mia frato. Ŝi estas Zinaida Nikolàjevna, kiun vi konas. Poste ni renkontiĝis, kiam mi jam estis junkro.[1] Malgraŭ ŝia peno ŝi neniel povis ekkoni en la liphara junkro la malamitan Peĉjon, tamen ŝi rilatis al mi ne tute laŭ parenca maniero ... Eĉ nun, malgraŭ mia bona malharaĵo, modesta ventreto kaj senkulpa aspekto, ŝi ĉiam min rigardas strabe kaj sentas sin ne sufiĉe bone, kiam mi venas ĉe la fraton. Evidente estas, ke la malamo estas neforgesebla same kiel la amo ...

Ĉu?! Mi aŭdas, koko kantas. Bonan nokton! Milord, loken!

El Rusa lingvo trad.: *P. Medem.*

[1] En Rusujo estis en plej multaj lernejoj kvin-numera sistemo por taksadi sukcesojn de lernantoj. Kvin = bonega.

[2] Mi ne kuraĝas enkonduki la vorton „ŝantaĵisto". *(Rim. de trad.)*

[1] Antaŭoficira grado por lernantoj en militaj lernejoj. *(Rim. de trad.)*

# Mia patrino

De **Edmondo de Amicis**

Non sempre il tempo la beltà cancella,
O la sfioran le lacrime e gli affani.

*Ne ĉiam rabas belon la tempo kruela,*
*Aŭ ĝin ĉagrenoj, larmoj velkigas en fino:*
*Jam sesdekjarojn havas mia kar-patrino,*
*Kaj kiam mi rigardas, ŝi ŝajnas pli bela.*

*Per ĉiu vort', rigardo, gesto aŭ rideto*
*Ŝi tiel dolĉe tuŝas mian koro-senton.*
*Ho! se mi de pentristo posedus talenton,*
*Dum tutvivo mi pentrus nur ŝin sur portreto.*

*Kiel ŝi faras klinon de vizaĝo sia,*
*Ke mi kisu harligon ŝian blank-argentan,*
*Aŭ kiel ŝi, malsana kaj laca, silentan*
*Ŝian doloron kaŝas sub ridet'radia.*

*Tamen, se min aŭskultus ĉiela Sinjoro,*
*Mi ne petus penikon dian, Raffaelan,*
*Por kroni ŝian kapon, la mirinde belan,*
*Per la brilanta nimbo de l'eterna gloro.*

*Mi volus mian vivon ŝanĝi je alia,*
*Doni al ŝi viglecon de miaj jun-jaroj,*
*Vidi min maljunulo, kun la grizaj haroj,*
*Kaj ŝin rejunigita per ofero mia.*

El itala lingvo trad.: *Antoni Grabowski.*

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la neatendite multnombra alveno de novaj abonantoj, la provizo de la unuaj numeroj de 1920 elĉerpiĝis. Personoj, kiuj nun abonas aŭ aliĝas kiel Membro-abonantoj aŭ Subtenantoj, ricevas la gazeton de aprilo. Por la numeroj ne plu haveblaj ili rajtas depreni (en Svisa mono):*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Abono* . . . . | 25 %; | sumo pagota | Fr. 7.50 |
| *Membro-abonanto* | 15 %; | „ „ | . 10.60 |
| *Subtenanto* . . . | 7,5 %; | „ „ | . 23.10 |

*kun sama rilato en ĉiu nacia mono.*

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, Museumsstrasse 14, Bern.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Belgio.

*Bruxelles:* Dum Pentekosto (23—25 majo) okazos la IXa Belga Kongreso de Esperantistoj. El la alvoko ni eltiras jenajn liniojn: „Kun specialaj zorgoj estos preparata tiu unua postmilita Belga kongreso. Nenion oni preterlasos por agrabligi al la kongresanoj ilian restadon en la belega ĉefurbo Belga. Plie, vizitoj estos aranĝataj al la famaj Flandraj batalkampoj kaj al la ruinigitaj urboj kaj regionoj, kiuj nun aspektas kiel dezerto! Ni atentigas niajn geamikojn pri la nuna tre favora Belga monŝanĝo. Estas unuNura okazo viziti je malkostaj kondiĉoj Belgujon, tiun belan landon, kies multnombraj vidindaĵoj estas ege vizitindaj! La organiza komitato faras varman alvokon al ĉiuj gesamideanoj, por ke ili iru multnombraj al Bruselo vivadi dum kelkaj tagoj en Esperantujo, por aŭdi ĉirkaŭ si nur la karan Zamenhofan lingvon, por enspiradi tiun Esperantistan aeron, kiu revivigas, kiu altigas la korojn kaj la spiritojn, kiu incitas al boneco, al frateco, al pacemo!" Por ĉiuj informoj pri la kongreso sin turni al: F-ino M. A. Jennen, 39, rue d'Albanie, Bruxelles.

## Britio.

*Birmingham:* 21-a kunveno de Mezlanda Federacio. — *Bristol:* Amika vespero. Propagando per cirkuleroj. — *Cowdenbeath:* Kursoj de S-roj Primmer kaj Young. — *Edinburgh:* Ĉiusemajnaj grupkunsidoj (laboroj de S-roj G. W. Scott, Warden, F-inoj Hunter, Baird, Tait). Diservo kun prediko de S-ro Mc Callum. — *Glasgow:* Konsilantara kunveno de Skota Federacio. — *Leeds:* Grupa jarfesto (kantoj, dancoj, deklamoj, konkursoj). — *Liverpool:* Ĉiusemajnaj grupkunsidoj. Lumbilda parolo de la grupsekretario. Propagando per flugfolioj. — *London:* (High Holborn) Kurso de S-ro M. L. Blaise. (Wimbledon) Grupo restariĝis. — *Manchester:* Okazis 46-a kunveno de Federacio de Lancashire kaj Cheshire: — *Sheffield:* Paroloj de S-ro J. Bateman. Grupo festis la 14-jaran prezidantecon de S-ro J. Merchant. — *Stoke-on-Trent:* Ĉiusemajnaj grupkunsidoj. — *Wallasey:* Nova grupo. — *Wallsend:* La nove fondita grupo progresas kontentige. — *York:* Jara grupkunveno.

## Ĉeĥoslovakio.

*Cieszyn* (Teschen): Klubo fondiĝis. Kurso. Gazetartikoloj en „Robotnik Slaski", „Driennik Cieszyński". — *Hradec-Kralóvé:* Dua postmilita kurso finiĝis. Amuzvespero por novaj membroj. Grupo havas 44 membrojn. Nova kurso aranĝata. — *B. Leipa:* Kurso, 30 p. *Pardubice:* Kurso, 25 p. — *Praha:* „Rondeto de Esp-istinoj" eldonis multe aĉetatan Ĉeĥlingvan broŝuron de F-ino J. Šupichová „Učte se Esperantu" (Lernu Esp.). S-ro F. Šilha kaj F-ino Kubiková aperigas en gazetoj tradukojn el Esp. Kursoj de grupo „Verda Stelo". *Prostějov:* Kursoj en januaro 1920: kluba (15 p.), laborista (30 p.), skolta (25 p.), instruistina (9 p.); tri unuajn gvidas S-ro R. Fridrich; lastan F-ino M. Havrankova. — *Tetschen-Bodenbach:* Grupa ĉefkunveno. Du kursoj. — *Warnsdorf:* Kurso. — *Wegstädtl a. E.:* Kurso de S-ro Hocke. Propagando de S-ro Kratzik. — *Zoolen:* Parolo de S-ro Balĉek. Kurso, 40 p. Ekspozicio.

## Finnlando.

*Antrea-Käkisalmi:* Parolo de S-ro A. Suomalainen, 200 p. — *Mosabacka:* Post la lastaŭtuna kurso okazis propaganda festeno (200 p.). Fondiĝis grupo „La Steleto (20 m.). — *Oulu:* Kurso, 50 p. Alia de S-ro I. Manner en laborista instituto. — *Turku:* Vesperfesto.

## Francio.

*Lyon:* La Esp. budo, organizita de la Del. kaj de la Esp.-Oficejo dum la internacia foiro, havis bonan sukceson. — *Marseille:* Kurso de S-ro Maurin. — *Paris:* Artikolo de S-ro Adam en „Clarté". Ĉiumonate okazas, en la Labor-Borso, kunveno organizita de „Esperantista Laboristo", kun paroloj, kantoj, deklamoj, ludoj kaj fine ĝenerala diskutado. Jam Sam-anoj E. Adam parolis pri sia ascendo ĉe la pinto de Blanka Monto; J. Nels pri la vivo kaj la verko de D-ro L. Zamenhof; P. Gabory pri „La vivo de la Martiroj" (verko de G. Duhamel) kaj S-ro Schwartz pri: „Tri militjaroj ĉe la Germana armeo". Ĉe tiuj kunvenoj oni parolas nur en Esp. Baldaŭ niaj laboristaj samideanoj organizos ekskursojn sur la kamparon. Tre imitinda ekzemplo.

## Germanio.

*Chemnitz:* Ĝenerala grupkunsido. — *Dresden:* Grupa jarkunsido. — *Eisleben:* Kurso de S-ro K. Mally, 32 p. — *Frankfurt a. M.:* Grupa jarkunsido. — *Friedrichsthal:* Parolo de S-ro Omlor ĉe stenografia unuiĝo. En „Westpfälzische Zeitung" aperis de li farita traduko de la ĉefartikolo de S-ro H. Hodler en decembra N-ro de „Esperanto" (Novjaraj pensoj). — *Kassel:* Kurso, 30 p.

## Hispanio.

*Huesca:* Laŭ ekzemplo de Zaragoza oni preparas gastigon de Aŭstri-Hungaraj infanoj. Du kursoj de S-ro Maraury. — *Madrid:* Artikoloj en „El Explorator" kaj „El Eco de las Aduanas". — *Tarrassa:* Kursoj en grupoj „Lumo" kaj „Juventud Tarrasense". Firmo „Parenol y Cortes", pere de Del. de UEA mendis al Stockholm je 35,000 pesetoj. Oni preparas gastigon de Aŭstriaj infanoj. Gazetartikoloj en „El Dia" kaj „La Comarea del Valles". Vesperfesto honore al S-ro Kiftenbeld. — *Zaragoza:* Grupo „Frateco" okupiĝas pri gastigo de infanoj el Aŭstrio. 3 kursoj. Artikolo en „El Noticiero". — *Bilbao, Jaca, Vich:* Gazetartikoloj.

## Hungario.

*Budapest:* S-ro Mátéffy finis kurson por knaboj, komencis novan. Kursoj laboristaj de S-roj Sturm kaj Gerl. Amuza prezentado en laborista hejmo. Junuloj ludis teatraĵojn tradukitajn el Esp. Ĝenerala kunsido de la laborista societo. Artikolo en „Közep Duna". — *Győr:* Kursoj de S-ro Steiner. — *Miskolcz:* Lokaj aŭtoritatoj persekutas Esperantistojn. Kunvenoj ne permesataj, parolo de la lingvo sur la strato, porto de stelo neebla; Esp. gazetojn oni ne enlasas, forsendotajn skribaĵojn la urba cenzuro retenas. — *Szeged:* Filatelista societo decidis alpreni Esp. — *Szombathely:* Propagandas S-ro Izso.

## Italio.

*Bologna:* Va Kongreso de Italaj Esp-istoj okazos en oktobro 1920. — *Bordighera:* Artikolo en „Journal de Bordighera". — *Milano:* La urbaj aŭtoritatoj anoncis per afiŝoj la kurson de S-ro Prof. G. Lupi. — Oni eldonas Esp. gramatikojn. — *Rovereto:* Kurso de S-ro D-ro Mondini, 20 p. — *Venezia:* Grupo reorganizita; oni starigis Esp. bibliotekon; kursoj de S-ro F. Pizzi.

## Nederlando.

*Rotterdam:* Laborista klubo „La Espero" restariĝis.

## Norvegio.

*Langesund:* Propaganda kunveno (parolo de S-ro O. Brockmann, muzikaĵoj, laŭtlegoj, ekspozicio). Gazetoj favoraj.

## Polio.

*Krakow:* Kurso de S-ro L. Turno. Grupa ĉefkunveno. Jubileo de dekjara prezidanteco de S-ro Prof. O. Bujvid. — *Lodz:* Leter-

kaj poŝtkart-vesperon vizitis ĉ. 500 p. Kurso de S-ro Zimmermann. — *Varsovio:* Kursoj de grupo „Varsoviano".

### Portugalio.

*Lisboa:* Tri novaj kursoj, 60 p. — *Porto:* Kurso de S-ro J. Dias Pinheiro, pli ol 50 p. Propagando per cirkuleroj.

### Svedio.

*Enköping:* S-ro A. K. Örn parolis en bontemplana loĝio, 60 p.; gvidas kurson, 10 p.; dank' al liaj klopodoj fondiĝis klubo. — *Gevle:* Grupa jarkunveno (muziko, deklamoj). — *Sandviken:* Grupa jarkunveno, festeto. — *Skara:* Kurso, ĉ. 25 p. — *Stockholm:* Grupa jarkunveno. Monataj kunsidoj (parolo de S-ro C. Ohlsson). — *Väja k. Dynäs:* Parolo de S-ro E. Adamson. Kurso. Klubo fondiĝis. — Artikoloj de S-ro H. Skog en „Dagens Nyheter", de S-ro P. Hansander en „Östersunds-Posten", de pastro Törnqvist en „Arbetarbladet" kaj „Gefle Dagblad".

### Svisio.

*Lausanne:* Grupo Zamenhof regule kunvenas. — *St. Gallen:* Kurso, 6 p. Du kursoj privataj.

### Nov-Zelando.

*Auckland:* Artikolo de S-ro Ch. H. Parker, en „Auckland Labour News".

### Aŭstralio.

*Melbourne:* Aŭstralia Esp. Asocio fondiĝis. Prezento en plenaero de kampara melodramo verkita de S-roj J. Pike kaj A. Sullivan. „Worker's Educational Association of Victoria" estas favora al Esp. — *Sidney:* Dum Pasko okazos la Tria Aŭstralia Kongreso de Esperantistoj.

### Usono.

*San Francisco:* Kurso de S-ro Rivers, 12 p.

### Japanio.

Okazis gravaj progresoj en diversaj lokoj, precipe en Tokio. Japana Esperantista Asocio transformiĝis en Japana Esperanta Federacio. Esperanto-Instituto fondiĝis en Tokio. Jen statistiko de la membroj de J. E. A.: Aŭgusto 1916: 189; 1918: 286; 1919: 464. — *Osaka:* Porinfana gazeto „Sokokumin Sinbun" aperigas en ĉiu numero Esp. kurson. Kurso por blinduloj, 6 p. Kurso en Higaŝi-ku. — *Tokio:* Dek kursoj (de S-roj Osaka, Fujisaŭa, Adaĉi. k. a.); inter ili unu ĉe Oficejo de Departemento Terkultura kaj Komerca, unu ĉe Imperia Universitato (pli ol 100 studentoj). Esp. enkondukita en diversaj privataj lernejoj. Gazetartikoloj en „Uarera", „Kaihô", „I-jin", k. t. p. (Ni petas Japanajn samideanojn pri pliaj informoj el la diversaj grupoj. Diskonigu nian gazeton en via lando!)

### Siberio.

*Ĉita:* Societo havas 50 m.; eldonis bonan lernilon de Esp.; posedas Esp. bibliotekon. Grupo de kooperativanoj, 20 m.

**☞ Legu la financan raporton de UEA. Dum 1920 nia Asocio bezonas 5000 membrojn. Ĉu VI helpas al tio?**

## DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto en la lernejoj.** — *Britio:* La subkomitato de Liverpool'a Eduka Konsilantaro de elementaj lernejoj fine sankciis la enkondukon de Esp. en unu lernejon „Granton Rd. School". Kvardek knaboj estis elektitaj por tiu studado, kiu komenciĝis pasintan januaron. Ĉi supra decido estas nur eksperimenta. Sed, se ĝi kontentigos la Aŭtoritatojn, pri kio ni havas nenian dubon, ni povas esperi pluajn progresojn de Esp. en Liverpool.

*Rusio:* En la bolŝevista gazeto „Prawda" aperis jena grava informo: „Teoriaj disputoj rilate artefaritan lingvon en la fako de klerigado ĉe la Popolkomisarejo finiĝis tre favore al Esp. La 5 januaro komisiono, kiu kritikis la lingvojn internaciajn, aprobis Esp. kiel la plej bonan. La komisiono decidis praktike solvi la demandon per enkonduko de Esp. en ĉiuj lernejoj de Sovjeta Respubliko. Esperanto jam estas enkondukita kiel deviga leciono en la lernejoj de Moskvo, Peterburgo, Tver, Orel kaj Smolensk."

**☞ Niaj korespondantoj bonvolu *samtempe* kun sia poŝtmandato, indiki al ni la celon de sia monsendo. Ni ne povas diveni ĝin!**

## TRA LA GAZETARO

∴ *„British Esperantist"* (februaro) — Rakontoj el la Biblio: „Rut". — Traduko de agrabla mirrakonto por infanoj. — „Letero el Japanujo" N. K. Rôscoe:

Estis por mi mirindaĵo aŭdi kiel bone, eĉ bonege la plimulto de la Japanaj samideanoj parolas la lingvon. Estas ĉiutaga okazaĵo renkonti Japanojn, kiuj parolas la Anglan lingvon, sed preskaŭ sen escepto neniu el ili parolas tiel flue kaj facile, kiel la Esperantistaj samlandanoj parolas nian lingvon. Krom tio povas esti, ke ĉe Angla-lingva kunveno unu aŭ du el la ĉeestantoj parolas sufiĉe bone, sed ili estas la malplimulto. Male, ĉe Esperanta kunveno la plimulto parolas tute senĝene."

∴ *„La Eklezia Revuo"*. Multe da interesa en la 24 paĝoj de E. R. Interalie: „Ordo de diservo" tradukita el Finna preĝlibro, „Spiritaj sentencoj de Frato Laŭrenco", versa traduko el Longfellow: „La Malsatiĝo." Ŝatindaj ankaŭ du himnoj Esperantigitaj, kun muzika teksto.

∴ *„Esperanta-Finnlando"* (februaro). Kalevala-numero. Kalevala estas la nacia epopeo de Finnoj. Precizan ideon pri ĝi donas E. F. per literaturkritika artikolo, per tradukitaj eltiraĵoj, kaj per bildoj. Ĉarme estas legi pri la historio de Kalevala, pri la respektindaj kantistoj. El la tradukoj: „La malbeno de Kullervo", „La kanto de Väjnämöjnen", „La adiaŭo de Väjnämöjnen", „Runo pri la grandega kverko de Dio". Bildoj de A. Gallen-Kallela ilustras la rakontojn. Krome, tiu numero enhavas la kutimajn rubrikojn: Esperanta mondo, notetoj, ekzerca fako, kun bildoj kaj desegnoj.

∴ *„Hispana Esperantisto"* (februaro). Nekrologo pri Trinidad Soriano (kun portreto). Versaĵoj: Al la Karulo. La Triumfo estas nia. Originala rakonto de Fr. Pinol. Traduko el Victor Hugo: La milito. Fotografaj reproduktaĵoj pri Hispanaj arĥitekturaj belaĵoj.

∴ *„Hungara Esperantisto"* (februaro). „Kial?" dolorplena voko pro la nuna mizero en Hungario. „Fino de septembro", versa traduko, de K. Kalocsay. Nekrologo pri D-ro Rud. Rajczy.

∴ *„Japana Esperantisto"* (septembro-oktobro 1919). Raporto pri la lastaj progresoj de nia movado en Japanio. Simplaj rakontoj pri japana vivo. Kroniko. La gazeto uzas ankaŭ Japanan lingvon. La stilo de la parto Esperanta prezentas iafoje interesaĵn, por Eŭropano novajn formojn de pensado.

∴ *„Monata Bulteno de „Aplech" Esperanta Grupo"* (februaro). Grandparte redaktita en lingvo Kataluna. En la Esp. parto: Feliĉo, La Simbolo de l'Amo, de S-ino M. Hankel.

∴ *„Esperanto-Praktiko"* (marto). „Esperantistaj rememoroj al Hago", de H. Poensgen. Novelo de Berenŝtam: „Ĉi tiu ne estas li!" Krom tio diversaj agrablaj anekdotoj kaj versaĵoj. Utila por

Germanlingvanoj estas la rubriko „Por perfektigo“, en kiu oni studas la tradukadon de Germane diverssignifaj vortoj. Bonaspekta kaj bonstila gazeto.

∴ „*Le Travailleur Espérantiste*“ (marto). Aperas nun en du eldonoj: Franca, Esperanta. En la unua: Bona artikolo de A. Robin: „Le véritable internationaliste, c'est l'Espérantiste. „Verdire, la plej grava problemo estas ankoraŭ solvota: la oficiala alpreno de la lingvo internacia. La registaroj decidos ĝin nur sub la puŝo de l'publika opinio. Nia estas la tasko laŭ fortoj batali kontraŭ registara kaj publika senfaremo“.

En la dua: „La Ĉeĥa Laboristaro“, de V. Chyle. „Socia movado en Francio“, de P. Gabory. La Franca eldono havas 4 paĝojn, la Esperanta 6.

Nova gazeto:

∴ „*Espero Katolika*“. Internacia monata gazeto, oficiala organo de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, Formato: 15 × 23 cm. 32 paĝa. Jarabono: 5 Sm. Redakcio: S-ro P-ro Ludoviko Koller O. S. B., paroĥestro en Göttweig, l. p. Furth, Nieder-Oesterreich. „E. K.“ celas interalie: disvastigi la ideojn de popola repaciĝo kaj de Ligo de Nacioj; interkonatigi katolikojn por interŝanĝo de pensoj, korespondado, k. t. p.; klarigi kaj defendi la la religian kulturon.

El la enhavo (januaro-februaro): Seriozeco. Pri unueca teksto de niaj ĉefaj katolikaj preĝoj. Tra Aŭstrujaj Abatejoj. Raporto pri fondo de „Ligo de Katolikaj Esperantistoj en Germanujo“.

Aliaj gazetoj ricevitaj:

∴ „*Amerika Esperantisto*“ (dec. 19), „*British Esperantist*“ (marto), „*Brown and White*“ (skolta folieto kun Esp. parto „La Selo“, № 3), „*Deutscher Arbeiter Esperantist*“ (marto), „*Esperanto Bahia Blanca*“ (januaro), „*Esperanto Itala Revuo*“ (januaro), „*La Espero*“ (februaro), „*Komerco per Esperanto*“ (marto), „*Nederlanda Katoliko*“ (februaro), „*Nederland-Esperanto*“ (71—74), „*Progreso Ĉeĥoslovaka* (januaro), „*Svisa Espero*“ (marto), „*Raportoj de Danubio*“ (februaro), „*Unuigita Tuthomaro* (februaro kaj marto).

---

## TRA LA LIBRARO

**Esperanto.** Lernolibro por Ĉeĥoj, de *Julie Šupichová*. Eldonis: Emil Šolc, Karlinè (Bohemio). 13 × 8,5 cm. 104 p.

Tiu malgranda gramatiko kaj ekzercaro por Ĉeĥoj, verkita de nia propagandistino F-ino J. Šupichová estas bone ellaborita verketo, taŭge presita, sen preseraroj. La ekzemploj estas bone elektitaj. — Sur p. 32—33, klarigo kaj bona uzo de la artikolo estus dezirinda. Ekz.: mi estas (la) plej sana el ili. Antaŭ (la) domo. Jen ankaŭ plibonigotaj ekzemploj: p. 39. Ĉu vi komprenis *al* mi. — p. 77. Por ke mi komprenu *al* vi. Post la verbo kompreni, oni kutime uzas la akuzativon. — p. 82. Mi atendas *je* vi. *Je* revido. Kial ne: mi atendas *vin* kaj la ofte uzata: ĝis la revido? Estus ankaŭ dezirinde, ke en la proksima eldono aperu almenaŭ unu paĝo de Esperanta teksto aŭ rakonteto. Ekster tiuj negravaj manketoj, la libro donas bonan ideon pri nia gramatiko al Ĉeĥa leganto, kaj ni gratulas la aŭtorinon pro la apero de tiu verko. — *Z. R.*

**Världsspraket i Kulturarbetet** (La mondolingvo en la kultura laboro) de *Einar Adamson*. Eldonis: Propagandaföreningen „Esperantovännerna“ Örnsköldsvik (Svedio). 20 × 13,5 cm. 32 p. Prezo: 35 öre.

Bona propaganda broŝuro en Sveda lingvo. La aŭtoro speciale atentigas pri la rolo de Esp. en la paca movado kaj pri la servoj faritaj dum la milito. — *A. R.*

**☛ Ĉu VI repagis vian kotizajon kaj abonon? Se jes, dormu trankvile. Se ne . . .**

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia gento aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (aperos en printempo 1920).*

**Kotizajoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Jugoslavio: 20 Kr. Bulgario: 15 Lev. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto *(ricevas la gazeton): 12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Jugoslavio: 50 Kr. Bulgario: 37.50 Lev. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto *(ricevas la gazeton): 25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva *(kun la gazeto): 300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno *(komercaj firmoj, societoj, k. t. p.): 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale), Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

---

**Financa raporto pri la asocia jaro 1919.** — La bilanco de UEA, kiel kutime starigita je 31 oktobro, montras la jenajn ciferojn, en Svisaj frankoj:

*Bilanco*

(1 novembro 1918 ĝis 31 oktobro 1919)

| *Aktivoj* | Fr. | *Pasivoj* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kaso | 220. 25 | Kapitalo | 100. — |
| Bankoj | 2,374. 39 | Bonhavo de „Esperanto“ | 526. 20 |
| Debitoroj | 1,405. 82 | Konthavantoj | 1,078. 41 |
| | | Bonhavo de S-ro Hodler | 7,000. — |
| | 4,000. 46 | Bonhavo de la Gar. Kapitalo | 4,000. — |
| Jara perdo | 9,600. — | Diversaj kreditoroj | 360. 86 |
| | | Specialaj kontoj | 534. 99 |
| | 13,600. 46 | | 13,600. 46 |

*Konto de perdo-gajno*

| *Perdo* | Fr. | *Gajno* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Administra konto de UEA | 7955. 75 | Neniu. | |
| Diversaj perdoj (amortizoj) | 1644. 25 | Pasiva saldo de bilanco | 9600. — |
| | 9600. — | | 9600. — |

La ciferoj de la bilanco estas relative malaltaj, ĉar ĉiujare ni kutimas laŭeble pagi niajn ŝuldojn. Ekzemple, malaperis la presisto kun 13,397 Fr. da bonhavo; la kaso spezis entute 29,520 Fr., la bankoj 26,600 Fr., k. t. p. La sumo de ĉiuj spezoj de la centra kaso estas 129,279. 12 Fr., kontraŭ 58,546. 12 Fr. dum la antaŭa jaro. Dank' al amortizo de la malbona mono, la debitoroj estas tute certaj. Ilia iom alta cifero klariĝas per la enskribo de kelkaj bonhavoj por la monatfino, jam kelkajn tagojn poste al ni pagitaj. En la pasivoj rimarkiĝas 7000 Fr. de nia Prezidanto, kiuj reprezentas la sumon de diversaj monsendoj afable metitaj je la dispono de la kaso, por ke la Oficejo povu ekzisti. Simile estas kun la 4000 Fr., de ni prunteprenitaj ĉe la Garantia Kapitalo.

La perdo de 9600 Fr., la plej alta dum la ekzisto de nia asocio, devenas ĉefe de regulaj elspezoj, necesaj pro la repreno de nia agado. Klariginte la kaŭzojn en nia raporto pri la plialtigo de la kotizaĵoj, ni konstatas ĉi tie nur, ke la administra deficito akordiĝas sufiĉe precize kun la tiama takso, kaj ke por 1920 la elspezoj estos ankoraŭ pli altaj. Ĉefe pligrandiĝos la sumoj por salajroj, por presaĵoj kaj por la jarlibro.

### *Administra konto*

| *Elspezoj* | Fr. | *Enspezoj* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Oficejo . . . . . . . . . | 1,574. 57 | 2702 membraj kotizaĵoj . . | 5,091. — |
| Salajroj . . . . . . . . | 8,332. — | 205 Subtenantoj . . . . . | 945. 96 |
| Korespondado . . . . . . | 1,131. — | 60 Entreprenoj . . . . . | 429. 66 |
| Materialo . . . . . . . . | 600. 30 | Jaraj enspezoj de UEA . . | 6,466. 62 |
| Presaĵoj . . . . . . . . | 986. 10 | Perdo de tiu konto . . . . | 7,955. 75 |
| Adresaro . . . . . . . . | 1,518. — | | |
| Abonoj por Entreprenoj . . | 252. 50 | | |
| Administraj elspezoj . . . | 27. 90 | | |
| | 14,422. 37 | | 14,422. 37 |

### *Konto: Diversaj perdoj kaj gajnoj*

*Gajnoj:* 1946. 98 Fr., el kiuj la plej notindaj ciferoj estas: 542. 20 el diversaj donacoj; 280 el kotizaĵoj pagitaj de la Garantia Kapitalo; 250 donacitaj de nia Prezidanto por la aĉeto de leterklasiloj; 89 por faritaj servoj, k. t. p. *Perdoj:* La ĉefa kaj ne ripetota elspezo estas la fina amortizo de la rubloj, pri kiuj ni raportis la lastan jaron, kun 1484 Fr. Nun nia tuta bonhavo de Rusa mono estas for el la librotenado, kun espereto, ke iam kelkaj frankoj revenos. Plie ni aĉetis la novajn klasilojn, tiom bezonatajn, kaj amortizis la meblaron kun 204. 28 Fr. La translokiĝo de Ĝenevo al Berno kostis 1154. 30 Fr. Ankaŭ rilate al tiu speciala elspezo ni konstatas danke subtenon de nia Prezidanto, kiu lasis al ni diversajn meblojn, kiujn ni sukcesis vendi por 270 Fr. La aliaj klasoj de elspezoj el tiu konto, kiel kurzperdoj, k. t. p. estas malpli ol 100 Fr. Entute ĝi sumas: 3591. 03 Fr., kun pasiva saldo de 1644. 25 Fr. Tiu konto „Diversaj perdoj kaj gajnoj" estas pli bona ol ĝi aspektas. La grandaj elspezoj ne ripetiĝos, dum ni rajtas esperi, ke ĝia ĉefa enspezo, la donacoj, restos aŭ eĉ pligrandiĝos. Varman dankon al la personoj, kiuj bonvolis nin subteni dum la pasinta, finance tiel malfacila epoko.

La rezultato de la tuta bilanco estas do 9600 Fr. da malprofito. Malgraŭ la duobligo de la kotizaĵoj, la enspezoj dum 1920 ne duobliĝos. Ni devas antaŭvidi, ke parto de la membroj ne repagos, malgraŭ la tre favoraj kurzoj, je kiuj ni akceptas la fremdlandan monon, kaj pro la sama kaŭzo ni meze enspezos de la pagontoj verŝajne nur 2. 50—3 Svisaj frankoj, anstataŭ la 4. 50, je kiuj ni rajtas. Por kovri la antaŭvidatajn 20,000 Fr. da elspezoj, ni devus havi minimume 5000 membrojn. Per bona volo estas eble alproksimiĝi al tiu nombro, kaj ni tre petas, ke ne nur la Delegitoj, sed ankaŭ ĉiu membro serioze pripensu, per kia agado li povus konduki novan membron al nia asocio.

*Kun la nuna deficito kaj antaŭvidita perdo fine de 1920 ni ne kuraĝus daŭrigi la oficejon, se UEA ne estus trovinta en la persono de malnova amiko grandaniman bonfaranton. S-ro Hodler deklaris sin preta donaci sian tutan bonhavon da 7000 Fr. kaj alpagos notindan sumon ankaŭ dum 1920, se li vidos bonan volon flanke de aliaj Esperantistoj. Certe pri la konsento de nia Komitato, ĝis nun ne informita, kaj de ĉiuj membroj, ni esprimas al nia ŝatata Prezidanto la plej koran dankon de la tuta Asocio pro tiu tre grava donaco, kiu multe helpis al nia Asocio dum la nuna kriztempo.*

La reston de la ŝuldo ni amortizas per 100 Fr. konto „Kapitalo" (resto de iamaj aktivaj saldoj), kaj per forpreno de 2500 Fr. el la Garantia Kapitalo, kiu do bonhavas 1500 en la enira bilanco, anstataŭ la ĝisnunaj 4000. Tiel malaperas la 9600 Fr. da jara perdo, kaj la sama sumo en la pasivoj.

* * *

Ne tute fininte tiun raporton la skribinto fariĝis grave malsana kaj devis resti plurajn monatojn en la lito. Tial la ciferoj aperas nur en tiu numero, kvankam la bilanco estis preta ĝustatempe.

Estas nia devo atentigi, ke dum tiu ĉi jaro la situacio restas serioza. Nia kasisto, pro troa okupo pri la enregistrado de membroj ne povis ĝis nun fari la kutiman kvaronjaran bilancon, sed el la multaj alvenintaj aliĝoj kaj abonoj montriĝas, ke la Esperantistoj bonvole aŭdis nian helpokrion. Ni havas la impreson, ke la enspezoj pli-malpli respondas al tio, kion oni povis esperi laŭ prudenta takso. Sed bedaŭrinde ankoraŭ pli rapide kreskas la elspezoj. Baldaŭ ne plu estos en Svisa urbo ŝtata oficisto, skribisto, k. t. p., kiu ne ricevas 5000 Fr. da jara salajro; aliparte ĉiam supreniras la fakturoj de la presisto, paperliveranto, k. t. p., tiel ke neniu buĝeto estas farebla. Ni nur povas diri, ke la 20,000 Fr. da elspezoj, zorge kalkulitaj dum novembro, ne sufiĉos.

Kiel jam ripetite, nia bezono por UEA kaj la gazeto estas tri oficistoj tutjaraj kaj unu helpoficisto almenaŭ dum ses monatoj. Tiuj personoj povas fari nur la necesan minimumon: enregistri la membrojn kaj Delegitojn, prizorgi la Jarlibron kaj la gazeton. Pli vasta agado, kiu ja estus tre dezirinda, postulus novajn oficistojn, sekve pliajn elspezojn. Aliparte ni danke atentigas pri la granda laborforto de nia Prezidanto, sen kiu la Asocio ne povus funkcii.

Konklude ni devas ree peti ĉiun samideanon dum tiu ĉi jaro energie agadi por la plimultigo de la membroj. Se UEA havus la nombron, kiun ĝi estis atinginta en 1914, ĝi povus ekzisti. La personoj, kies financa stato tion ebligas, efike helpos al UEA, aliĝante kiel *membroj subtenantaj* aŭ mendante unu aŭ plurajn atestojn de la nova serio de la Garantia Kapitalo. Se dum 1920 ni sukcesus havi 200 membrojn subtenantajn (estas nun 49) kaj vendi almenaŭ 10 atestojn (ĝis nun 1) de la G. K. (nova serio) la financa situacio de la Asocio estus serioze plibonigata. Tia rezultato ne superas la fortojn de la Esperantistaro, kaj ni tial esperas, ke ĝi povos esti atingata, se *ĉiu* por tio agas.

La Direktoro: *Ed. Stettler.*

**Kontrolado de la kalkuloj.** — Jene raportis la kalkulkontrolinto: „Konforme al la mandato al mi donita mi kontrolis la librotenadon de UEA, fermitan la 31 oktobro 1919. Mi trovis la ciferojn de la bilanco, kiel tiujn de la konto „Perdo-gajno" konformaj al la enskriboj en la ĉefa libro. — Multaj okazaj provoj en la taglibro kaj en la rilatantaj dokumentoj min konvinkis, ke la librotenado estas farita en bona ordo. Al la estraro de UEA mi rekomendas aprobi la jaran kalkulon kun danko al la kasisto.

*Bern*, 15 novembro 1919.

*M. Brand*,
prokuristo de *Handelsbank (Banque Commerciale) Bern.*"

**Atentigo.** — Kelkaj gazetoj represis la deziresprimojn de Esperantista Konferenco[1] okazinta en Paris la 21—25 septembro kun la informo, ke ĉeestis ankaŭ la Direktoro de UEA. Tio ne estas ĝusta. La Direktoro de UEA estis invitata tro malfrue, por ke li povu ĉeesti. En la nomita kunveno la estraro de UEA ne estis oficiale reprezentata. La akceptitaj deziresprimoj do neniel ligas nian Asocion.

**Garantia Kapitalo.** — Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la nova serio kostas 300 Fr. Svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj pagoj da 100 Fr. Ĉiu mendinto de unu atesto de la G. K. estas dumviva membro kaj abonanto de „Esperanto", kaj ajn estos la venontaj prezaltigoj. La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

La personoj, kiuj jam posedas ateston de la unua serio, povas akiri novan, pagante 100 Fr. Svisa valoro. Tiel agante, ili efike helpos al UEA.

**Oficiala Jarlibro.** — La eldono 1920 estas nun preparata kaj espereble povos aperi en majo. Krom la kutima adresaro ĝi enhavos ampleksan enciklopedian parton kaj multajn utilajn informojn pri la Esperanto-movado. La atendo de niaj membroj estos do rekompencata per valora eldonaĵo. Ili tial bonvolu pacienci! La preparado postulis multe da tempo, kaj precipe la presistoj nun ne plu povas labori tiel akurate kaj rapide kiel antaŭ la milito.

[1] Niaj legantoj povis legi ilin en la specimeno de „British Esperantist", aldonita al nia marta N-ro.

**Malnovaj Delegitoj.** — Ni ofte ricevas kotizaĵojn de malnovaj membroj, kiuj estis Delegitoj antaŭ la milito, sed kies nomoj ne aperis en la Adresaro 1919 pro nesendo de la respondilo, siatempa nepago de la kotizaĵo aŭ alia kaŭzo. Pagante sian kotizaĵon por 1920 kiel membro-abonantoj, tiuj personoj estas petataj mem atentigi nin, ke ili deziras denove esti enregistrataj kiel Delegitoj; se ne, ili estos enskribataj nur kiel membroj. Tiu rimarko speciale koncernas la malnovajn Francajn Delegitojn.

**Kotizaĵoj por 1920.** — Je la 29 februaro estis enkasigitaj 1860 kotizaĵoj (el kiuj 602 membroj, 1209 membroj-abonantoj kaj 49 subtenantoj). Krom tio estas 218 dumvivaj membroj. Sume: 2078. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 63.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato februaro:

Ricevitaj: 1045. — Forsenditaj: 1417. — Tuta sumo: 2462. (Antaŭa monato: 2195.)

**Subtenantaj membroj.**

*Kvara listo:*

34. A. Johansson, Eskilstuna (Svedio). — 35. A. Agren, Eskilstuna (Svedio). — 36. P. Pratley, Montreal. — 37. R. Powell, New York. — 38. A. Christen, New York. — 39. W. Carpenter, Escondido (Usono). — 40. S. Andrew, Feilding (Nov-Zelando). — 41. S-ino L. Hurd, Seattle (Usono). — 42. P. Gomez, Buenos-Aires. — 43. A. Villafranca, Buenos-Aires. — 44. E. Mawbey, Johannesburg. — 45. M. Krane, Rotterdam. — 46. F. Pakker, Rotterdam. — 47. J. Janik, Unter Franzenthal (Ĉeĥoslovakio). — 48. A. Maertens, Gent. — 49. J. Hill, Birmingham.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Allahabad* (Hindio, U. P.). — D.: S-ro K. Samuel, sekretario, c/o Postmaster.
*Atemaxac* (Mexico, Jal.). — D.: S-ro Ernesto E. Guerra.
*Bari* (Italio). — D.: S-ro A. Lacalendola, 323, via Dante Alighieri.
*Batak* (Bulgario). — D.: S-ro Petr. V. Toŝkov.
*Ber Rechid* (Maroko). — D.: S-ro Raoul Gleyze, instruisto.
*Colombey-les-Belles* (Francio, M.-et-M.). — D.: S-ro André Géraud, advokato, 44, r. Alexandre III.
*Columbus* (Usono, Ohio). — D.: S-ro James G. Hayden, 211, S. Richardson Av.
*Cortemaggiore* (Italio, Piacenza). — D.: S-ro M. E. Carolfi, profesoro.
*Crowley* (Usono, Louisiana). — D.: S-ro J. G. Haupt.
*Kaunas Kovna* (Litovio). — D.: S-ro A. Opulskis, prof., Ukmerges gatve 58. — VD.: S-ro Juozas Maĉernis, Ukmerges plentas 45.
*Komotau* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro W. Peking, termezuristo, Eidlitzerstr. 1305. — VD.: S-ro A. Kühner, minejoficisto, Eidlitzerstr. 1277.
*Levanger* (Norvegio). — D.: S-ro Peter Rian, lignaĵisto.
*Luckenwalde* (Germanio, Brandenburg). — D.: S-ino E. Szymanovski, Siedlungshaus, Treuenbriezenerstr. 10.
*Mannheim* (Germanio, Baden). — D.: S-ro Richard Hoeber, oficisto, Seckenheimerstr. 51.
*Menfi* (Italio, Girgente). — D.: S-ro Leonardo Palagonia, v. del Popolo.
*Moravská* Ostrava (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ino Ĉernohorská.
*Namsos* (Norvegio). — D.: S-ro Reinert Buseth, libristo.
*Orléans* (Francio, Loire). — D.: S-ro Robert Pillault, 6, r. Grison.
*Sevlievo* (Bulgario, Tirnovo). — D.: S-ro Doro Todor Stanev, tajloro.
*Spišska*-Kapitula (Ĉeĥoslovakio, Slovensko). — D.: S-ro Eduard Gazdik.
*Srinagar* (Hindio, Kashmir). — D.: S-ro John La Frenais, farmaciisto.
*Varna* (Bulgario). — D.: S-ro Jonko Davidoff, kom. Targovska ul. 6.
*Verona* (Italio). — D.: S-ro Attilio Vaona, advokato, 13, v. Amanti.
*Worms* (Germanio, Hessen). — D.: S-ro Fritz Pfaff, instruisto, Sebastian Münsterstr. 12.
*Zamość* (Polio). — D.: S-ro D-ro Jan Medrkiewicz, kuracisto.
*Zion City* (Usono, Illinois). — D.: S-ro F. S. Devona, pastro, P. O. Box 192.

Ŝanĝoj:

*Arnhem* (Nederlando, Gelderland). — D.: S-ro D-ro C. J. Baart de la Faille, gimnazia prof., Röellstraat 6.
*Bilbao* (Hispanio, Viscaja). — VD.: S-ro José Santamaria, 27, Alameda de Urquijo.
*Chicago* (Usono, Illinois). — VD.: F-ino Julie Martich, 2011 W., Washburne Ave.
*Eger* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — VD.: S-ro F. Schuster, instruisto, Ringstr.
*Karlsbad* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Franz Ulbert, poŝtestro, Bahnhofpostamt. — VD.: S-ro Bruno Zeiner, Bahnhofstrasse 56, Fischern bei K.
*La Chaux-de-Fonds* (Svisio, Neuchâtel). — VD.: F-ino Emma Crisinel, tajlorino, Numa Droz 91.
*Legnago* (Italio, Verona). — VD.: S-ro Alfredo Crestoni, librotenisto.
*Mikkeli* (Finnlando). — D.: S-ro Albin Lippa.
*Montreal* (Kanado). — VD.: S-ro Tom A. Allan, c/o Signal Engineer, Grand Trunk Railway.
*Regina* (Kanado, Saskatchewan). — VD.: S-ro F. A. C. Doxsee, 2321, Halifax St.
*Valladolid* (Hispanio). — D.: S-ro Adolfo Del Valle, Calle de General Almirante.
*Warszawa* (Polio). — D.: S-ro A. Oberrotman, Krak. Przedmiescie 10. — VD.: S-ro Joseph Litauer, helpjuĝisto, Marzalkowska 81.
*Warnsdorf* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Franz Kaulich, Radetzkystr. 1591. — VD.: S-ro J. Döllinger, komercisto, 1914, VII.
*Winterthur* (Svisio). — VD.: S-ino Lena Grütter-Häberli, Tachlisbrunnenstr. 35.

Adresŝanĝoj:

*Cannes* (Francio, A.-P.). — VD.: S-ro Paul Richard. val Roya, Maison Lanteri, Bd. Deloup.
*Oulu* (Finnlando). — D.: S-ro Armas Pürala, Isokatu 24.
*St. Nicolaas* (Belgio, Waes). — D.: S-ro A. De Bosschere, 3, pl. de la Régence.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj:

*Chambéry* (Francio); *Deovlen* (Bulgario); *Dubuque* (Usono); *Příbram* (Ĉeĥoslovakio); *Raumo* (Finnlando).

---

☛ **Petego al niaj Delegitoj: Sendante aliĝojn, uzu la membrolistojn, kiujn ni sendis al vi, kaj postulu novajn, se via provizo elĉerpiĝis. Evitigu al ni rekopiadon kaj tempoperdon. Tempo estas mono, kaj monon ni ne havas.**

---

# Esperantista Parolejo

## Esperanto kaj la interpopola ligo

Se mi demandas vin, karaj samideanoj, ĉu vi volas propagandi la internan ideon de l' Esperantismo? kaj: ĉu vi kredas, ke la ideo de l' Interpopola Ligo iam venkos? vi tuj respondos: Jes! certe! tre volonte! Vi konsentos, ke la du demandoj *por vi* estas ne du, sed nur unu; ĉar la unu ampleksas la alian. Ni ne volas disputi hodiaŭ kiel politikistoj, kaj pro tio ni ne volas diskuti la demandon: kio mankas al la institucio, kiu nun estas nomata Interpopola Ligo, (ligo de la Nacioj). Ni ĉiuj scias, kion ni volas, celante tian ligon. Malgraŭ la malbonaj spertoj, faritaj dum la pasinta tempo, ni asertas,

ke la Ligo jam ekzistas. Ankaŭ lingvo jam ekzistas, povonte disbati „la obstinajn barojn" kaj disfaligi „murojn de miljaroj inter la popoloj dividitaj".

Neniam la kondiĉoj, labori por niaj ideoj, estis tiel favoraj. Do, neniu el nia tutmonda Esperantistaro havas la rajton, plendi pro la nekomprenemo rilate al niaj ideoj. Certe ni havas ankoraŭ tre multajn kontraŭulojn, bedaŭrinde eĉ en la ŝtataj kaj urbaj registaroj, sed la postmilita situacio vere estas la jena: „en la mondon venis nova sento".

Kaj tiu sento kreskos, se ni laboros, se ni *serioze* laboros, ne nur amuziĝontaj en niaj rondoj kaj dancontaj „ĝis la suno de la nova tago brilis" ktp. sed pripensonte niajn seriozajn taskojn kaj agonte laŭ ili. Ili estas tuthomaraj taskoj!

La amikoj de l' vera internacia repaciĝo devas aliĝi de unu limo de l' tero ĝis la alia. Kaj *ni* devas esti la gvidontaj, ĉar neniu havas tiel efikan rimedon, kiel ni, posedantaj la veran helplingvon. Ĉie oni klopodas pro la vera Interpopola Ligo, sed nur malmultaj el ĝiaj propagandistoj scias Esperanton. Do, ni fondu en ĉiuj landoj kaj nacioj Esperantajn komitatojn.

En Germanujo tia Esperanto-Komitato jam ekzistas, interrilatante kun la Germana Anaro de Interpopola Ligo. En Francujo, fidinda informo — tia komitato ekestas. Pri neesperantistaj anaroj en multaj landoj ni jam estas instruitaj, sed pri kelkaj nacioj ni ĝis nun ne sciiĝis, ĉu en ili la propagando por la Interpopola Ligo ekzistas kaj progresas. Pro tio — ni ripetas — oni fondu ĉie naciajn Esperantistajn anarojn de l'Interpopola Ligo, kiuj klopodu pri internaciaj interrilatoj. Oni skribu al la raportanto de nia komitato (Vice-Poŝtdirektoro O. Rieck en Greifswald) tuj, kiam oni fondis komitaton en iu ajn nacio, por ke li povu raporti pri la progresoj en la gazeto de nia UEA „*Esperanto*" en Bern kaj en la gazeto „*Unuigita Tuthomaro*". Al ĉiu alia redakcio, kiu volas ricevi tiun raporton, ni sendos ĝin tre volonte. Espereble dum la Haga kongreso povos okazi kunveno de la naciaj Esperantaj Komitatoj de l' Interpopola Ligo, kiun partoprenu almenaŭ unu samideano el ĉiu nacia komitato.

Si nia majstro, D-ro Zamenhof, ankoraŭ vivus, li certe fariĝus la „centro" de Tutmonda Anaro de l' Interpopola Ligo — ni agu, ni laboru serioze laŭ liaj intencoj kaj daŭrigu lian laboran! Ni pripensu la vortojn de nia himno, ŝanĝante ilin nur rilate al *unu* litero:

Sub la sankta signo de l'espero
Kolektiĝu pacaj batalantoj!

*La Esperanta Komitato*
*de la Germana Anaro de l' Interpopola Ligo:*

Prof. *P. Christaller*, Stuttgart; Prof. D-ro *J. Dietterle; A. Junker*, Köln; Vice-Poŝtdirektoro *O. Rieck*, Greifswald; Konsilanto Prof. D-ro *A. Schmidt*, Potsdam/Berlin; Bankdirekt. D-ro *Vogt*, Augsburg.

## Al niaj korespondantoj

Ni estas superŝutataj de ĉiuspecaj alvokoj, kaj „petoj represi" ofte tre longaj. Se ni publikigus ilin tute, nia gazeto bezonus duoble pli multe da paĝoj ol ĝi havas. Ni volonte aperigas ĉiujn alvokojn aŭ informojn, kiuj prezentas sufiĉe ĝeneralan intereson rilate la propagandon aŭ uzadon de Esperanto, sed ni devas peti niajn korespondantojn redakti iliajn komunikojn kiel eble plej *koncize* kaj *fakte*. Ju pli longa estas komuniko, des malpli facile ĝi povos esti enpresata. Cetere, vortoriĉaj alvokoj ne estas pli favore atentataj de la legantoj ol koncizaj kaj precizaj. Kontraŭe! Multe da loko oni ŝparos, evitante insisti pri aferoj, kiuj estas evidentaj por Esperantistoj. Kiom da personoj skribas, ekzemple, „nia internacia helplingvo Esperanto" anstataŭ „Esperanto"! La redaktoro, kiu senĉese devas barakti kontraŭ manko de loko, senkompate trastrekas ĉiujn neutilajn frazerojn aŭ vortojn. Sed, estus ankoraŭ pli simple ne skribi ilin. Ĉiu havu kiel idealon, esprimi plej multe da ideoj per plej malmulte da vortoj! *Esperanto.*

## Helpo al suferantaj Esperantistoj

Ne estas nia intenco paroli pri la mizero reganta en Aŭstrio, precipe en Wien. En ĉiuj landoj, eĉ en la iamaj malamikaj, stariĝis homoj kun larĝaj animoj por iel helpi al tiuj malfeliĉuloj. En Svisio pluraj organizajoj okupiĝas pri sendo de nutrajoj, medikamentoj, lanajoj por infanoj k. t. p. Fakanoj, ekzemple la fervojistoj, organizis helpagadon por akcepti infanojn dum certa tempo. La Esperantistoj ĝis nun ne aparte aranĝis similan helpon, sed subtenis laŭeble la jam ekzistintajn agadojn. Sekve de multaj petoj el Aŭstrio, kelkaj Esperantistoj en Bern decidis starigi komitaton por kolekti inter la Esperantistoj en Svisio bonvolajn donacojn por niaj samideanoj en Aŭstrio. Per cirkulero la komitato invitis partopreni en tiu helpo, kaj kun vera ĝojo ni povas konstati, ke multaj favore respondis je nia alvoko. La sumo kolektita preskaŭ Fr. 300 ja estas modesta, sed ankoraŭ ne ĉiuj, al kiuj ni sendis nian inviton, respondis. Ni insiste petas favore konsideri nian peton kaj sendi subtenon, eĉ la plej malgrandan al nia kasisto: S-ro Ernest S. Hediger, Bürgerhaus Bern, Poŝtĉeka konto III. 2755. — Pri la uzo de kolektita mono ni informas la donacintojn per komuniko en la Esp. gazetoj. Ĉar ni ricevis jam demandojn pri monsendo al Aŭstrio el Francio kaj Anglio ni rekomendas al helpemaj Esperantistoj starigi similan agadon en sia lando; ni volonte estas pretaj sendi detalajn informojn.

*Svisa Komitato por Helpo al Aŭstriaj Esperantistoj, Bern.*
*Robert Bolliger*, Del. de UEA, Maulbeerstrasse 17, *Bern*.

## Mondopaca ligo Kruco Blanka

Pli granda kontrasto ne estas elpenseibla ol la kontrasto inter la kristana amo kaj la terura malamo de la pasinta milito. Bedaŭrinde la kristana kaj katolika sento en la nuna mondo estas tiel malforta, ke la plej granda parto de la kristanoj ne sufiĉe sentis la urĝantan devon bataladi kontraŭ la milito kaj por la kristana paco, por la vera solidareco de interna ligo de la nacioj.

Jam dum la milito, malgraŭ komprenéblaj grandegaj malfacilajoj, laboradis internacia pacema movado inter la katolikoj: „*Mondopaca ligo Kruco Blanka*". Ĝi havis la centrejon en Graz (Aŭstrio), Karmeliterplatz 5, kaj serĉis unuigi la ĉiulandajn katolikojn kontraŭ la milito kaj kontraŭ la grandaj socialaj malutiloj (kapitalismo, senmoraleco, alkoholismo k. t. p.), por la interpopola paco bazanta sur reciproka justeco kaj por la solidareco kaj interkompreniĝo de ĉiuj popoloj. Ĝi publikigis en februaro 1917 internacian pacprogramon katolikan, kiu estis laŭdata de lia papa moŝto Benedikto XVa.

Dum la milito multfoje subpremata de la registaro Kruco Blanka nun duobligas la klopodojn unuigi la katolikojn pacemajn de ĉiu lando. Ĝi precipe serĉas perigi kiel eble plej vivan pensinterŝanĝon de la gvidantoj de la sociala vivo katolika. La organo de la ligo „Blanko Kruco" aperas nuntempe Esperante kaj Germane. Precipe inter la junuloj la movado gajnas teron. Speciala ligo „Mondjunularo katolika" („Moka") laboras je tiu ĉi celo. La malvaloriĝo de la Aŭstria mono faciligas la kreon de granda centrejo tiel pacema kiel Esperantista, kiu povas organizi la movadon.

Kruco Blanka korege petas la ĉiulandajn katolikojn, kunlaboradi, por ke Esperanto unuigu la paceman movadon katolikan kaj kreu katolikan ligon de la nacioj kiel antaŭbatalanton de la solidareco de la mondo.

*Dr. Max Josef Metzger*,
Karmeliterplatz 5, *Graz* (Aŭstrio).

## Epidemioj

La mondo suferas de multaj epidemioj, sed la plej disvastigata ŝajnas esti la propraj manieroj de manskribo kaj la nelegeblaj adresoj. Ĉiu aparte estas tre serioza, sed kune ili kaŭzas grandan suferadon al multaj personoj. En mia leterujo mi havas nun, de tre diversaj landoj, poŝtajojn, al kies sendintoj mi ne povas respondi pro manko de legeblaj adresoj aŭ eĉ de ia adreso. Oni supozos, ke mi estas indiferenta, dum la fakto estas, ke multaj respondoj estis longe

skribitaj kaj atendas pluan informon pri la adreso de miaj korespondintoj.

Tro flua manskribo same kiel tro flua Esperanta elparolado estas konfuziga, kaj ambaŭ forpelas amikojn de la movado. Estas tre delikata afero diri al nekonato, ke lia skribo estas nelegebla kaj du (almenaŭ) korespondintoj ne plu respondis post ĉi tia atentigo. Jen dilemo.

Mia praavo ne povis skribi tre bone, sed li volis havi signifan originalan manskribon. Feliĉe lia nomo taŭgis por tio. Hoyle nord-angle signifas truon. Tial li skribis Jon kaj, poste, puŝante la plumon tra la paperon, li faris la truon, kiu kompletigis la subskribon. Tiu ĉi certe havis la meriton, ke personoj sciantaj la Jorkŝiran lingvon, povis kompreni la aŭtorecon. Pli moderna metodo estus kaŭĉuka stampilo aŭ zorga skribado.

*John Hoyle,*
Del. de UEA en *Triangle* (Anglujo).

(La C. O. de UEA, kiu multe suferas pro la supre aludita epidemio, aliĝas al la peto de nia korespondanto. Ĉiu legeble skribu kaj klare notu sian adreson en *ĉiu* letero. Tiel estos gajnata tempo, kiu povos esti uzata por pli interesaj aferoj, ol la deĉifrado de nelegeblaĵoj. — *Red.*)

## Oni petas!

∴ *Al ĉiulandaj literaturistoj.* S-ro Charles Despeyroux, Saint-Genis-Laval (Rhône, Francio), faras esplorojn pri la famaj verkistoj naciaj, kiuj parolis pri la helplingva problemo. Tiuj, kiuj konas gravajn verkojn, kie tiu demando estas pritraktita je praktika, teoria, socia aŭ filozofia vidpunktoj, bonvolu skribi al li kun plej precizaj informoj. Grava celo propaganda kaj scienca.

∴ *Al filatelistoj.* S-ro Salo Kornfeld, ricevinte la taskon redakti la nove malfermitan Esp. fakon en „Universum Briefmarken-Journal", deziras kunhelpon. Gratulu la redakcion por la farita decido (adreso: Lerchenfelderstrasse 150, Wien VIII). Diskonigu la gazeton al filatelistoj. Sendu artikolojn kaj interrilatu kun S-ro Kornfeld, Novy Targ, Pollando, kiu deziras krei filatelistan vortaron.

∴ *Pri Hungario.* Komisiite de la Hungara ministerio por eksteraj aferoj, la „Propaganda Komitato de L. I." en Budapest sendis al multaj Esp-istoj broŝurojn pri Hungario. La ricevintoj kaj ricevontoj estas petataj, la diritajn presaĵojn ne ĉiujn por si konservi, sed sendi al influaj personoj en sia lando, al gazetoj kaj institutoj, kiuj povus diskonigi ties enhavon. Ili bonvolu ankaŭ atesti la ricevon. Samideanoj, kiuj memvole partoprenus en tiu ĉi propagandlaboro, sciigu siajn adresojn. Poŝtelspezojn oni volonte repagos, sed se iel eble, oni ne petu de ni multe, ĉar nia landeto, ŝtato kaj komitato estas tre malriĉaj. — Propaganda Komitato de L. I. Hajoŝ-u. 15 - 11, Budapest IV.

∴ *Por progresemaj junuloj.* S-ro Armando Camuffo, placo G. B. Vico 9, II, Trieste, Italio, klopodas revivigi la internacian asocion de junuloj „Corda Fratres". Se vi havas intereson pri interfratiĝo de diverslanda progresema junularo, skribu al li. „Corda Fratres" estas fondita okaze de la Oka Kongreso en Krakovo, kiel sekvo de estinta „Ĉiostudenta Asocio". Ĝi celas i. a. „propagandi noblajn ideojn de pacifismo, antialkoholismo kaj feminismo inter la junularo".

∴ *Por komercoficistaj vesperaj kursoj.* S-ro O. Sklenĉka, Del. de UEA en Hradec Kralóvé (Ĉeĥoslovakio), por faciligi klopodojn pri la enkonduko de Esp. en la vesperajn kursojn aranĝitajn de la loka asocio de komercistoj, petas de ĉiu sperta samideano kunhelpon en formo de taŭgaj konsiloj aŭ alsendo de plej diversa pruvmaterialo. Li ankaŭ deziras ekrilati kun ĉiu, kiu gvidas aŭ gvidis similajn kursojn precipe por junaj komercolernistoj.

∴ *Instruistoj,* kiuj volas propagandi Esp. per respondo al ronddemando de la Pedagogia Ligo Internacia, bonvolu sendi siajn adresojn al instruisto: S-ro W. Wittbrodt, Lehrer, Anzengruberstr. 3, Berlin-Neukölln.

## Oni laŭdas!

∴ La *Sevilja Esp. Grupo* kaj la *Andaluzia Federacio* tutkore dankas al ĉiuj Esperantistoj, kiuj sendis kondolencajn leterojn pri la morto de la neforgesebla Prezidinto S-ro Trinidad Soriano Hidalgo.

∴ S-ro *F. G. Gottrell,* dumviva membro de UEA, el Washington, dankas al la sam-anoj, kiuj bonvolis helpi lin dum lia vojaĝo, laŭ misio de la Usona registaro: S-ron Generalon Sébert, Ges-roj Ferter Cense, S-ro Archdeacon en Parizo; S-ro Gewert, Del. en Mainz, S-ro J. Pollen kaj M. C. Butler, S. R. Marshall kaj P. Blaise en Londono; S-ro D-ro A. Ghez en Trieste; S-ro D-ro Sós, Del. en Wien, kaj S-ron Kaftan; Ges-roj Kraus, Del. en Praha, kaj S-ron Hromada, S-ro R. Novak, Del. en Plzeň, kaj S-roj Titl kaj Kavan, S-ro O. Koĉi, Del. en Kladno; S-ro De Balzac, Del. en Torino; S-roj Stettler, de Saussure kaj Richez en Bern; S-ro Haine, Del. en Bruxelles; S-ro Frans Schoofs, Del. en Antwerpen; S-ro Pakker, Del. en Rotterdam, Ges-roj Reinders en Arnhem.

∴ La firmo *„Casa Franch",* en Huesca (Hispanio), dankas afable S-inon Camilla Fürth, Del. en Dresden, por komerca servo.

∴ F-ino *M. Richez,* en Paris, dankas S-ron J. H. Wright, Del. en Manchester, pri donita informo.

∴ S-ro *G. Scholze,* Del. en Postrum dankas kore al S-roj D-ro Ghez, Trieste, Don Bianchi, en Meduno, Della Savia, en Udine, pro perado de informo pri malaperinta soldato. Al S-ro Hetzel, Del. en Philadelphia, li kore dankas pro afabla perado de letero al Siberio.

∴ S-ro *J. Sens,* en Soerabaia (Java), dankas la Francajn samanojn kaj precipe S-rojn Bannier, Allende, S-inon Cense, en Paris, S-rojn Maurin, Del., kaj Michel, en Marseille, pro ilia kora akcepto, helpo kaj akompano dum lia trairo de Francio.

∴ S-ino *Umanski,* en Ĝenevo, afable dankas S-ron Rohla pro sindona helpo al lia filo dum traveturo en Praha.

∴ S-ro *Wittbrodt,* instruisto, en Berlin-Neukölln, kore dankas al la sekvantaj sam-anoj por detalaj respondoj al ronddemandaro de la Pedagogia Ligo Internacia: S-ro C. A. Hvorslev, Del. en Aarhus; S-ro B. Ludvik, Del. en Ĉerny Kostelec; S-ro Linus Andrén, en Soennevad; S-ino Johanna Amundsen, en Kristiania, S-ro Ernest Vitteroq, en Sassetot, S-ro L. W. Cronkhite, en Bassein; S-ro Emilo Elenius, en Lahti.

∴ S-ro *Julio Belenguer,* Del. en Teruel, dankas S-rojn Dick, Del. en Yokohama, kaj Bünemann, Vicdel. en Hamburg, pro informoj donitaj.

∴ S-ro *Robert E. Blackstone,* membro el San Francisco, dankas S-ron John Morris Geldert, Del. en Halifax (Kanado), pro lia afabla akcepto.

∴ S-ro *Ernest S. Hediger,* membro el Bern, dankas kore Ges-rojn Döring, Del. en Freiburg i/Br., pro ilia afabla gastigo dum ĉeesto en tiu-ĉi urbo.

## Oni atentigas!

∴ *Averto.* — Laŭ fidindaj informoj ricevitaj, iu S-ro Hans Götzendorfer en Weibern (Aŭstrio), iama Esp-isto kaj abonanto de nia gazeto, sendas al la personoj anoncantaj en *„Esperanto"* propagandilojn pri Ido. Ĉar tiu procedo povas naski malcertecon precipe inter la novaj varbitoj, ni petas la Delegitojn atentigi kaj antaŭgardi la korespondemajn lernantojn kontraŭ tiu agado. Sama rimarko estas farebla pri la presaĵoj rilataj al Esperantido grandnombre dissendataj.

∴ *Migrantaj kartoj.* — La Hungara poŝto ne transsendas la migrantajn kartojn. Al Hungario oni sendu ilin en leteroj. Korespondantoj kun Hungario! Ne miru, se ĉesas multaj korespondoj kun Hungario, aŭ nur malofte venos respondoj, ĉar oni subite altigis la prezojn de la poŝtmarkoj ĝis K. I. — kaj multaj Esp-istoj, precipe studentoj, ne povas permesi al si tiun lukson.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Paul Bühring,** Del. de UEA en Oberschöneweid apud Berlin (Germanio).

**Primo Dottarelli,** dum multaj jaroj Del. de UEA en Roma.

**M. J. Evrot,** Delegito de UEA en Chambéry (Francio). Jen malaperis unu el la malnovaj Francaj pioniroj de la „heroa" tempo, fidela, sindonema, talenta samideano, kiu dum multaj jaroj dediĉis sian tutan liberan tempon al la disvastigado kaj praktikado de nia lingvo. Li estis licea profesoro sinsekve en Bourg, en Limoges, en Chambéry; en ĉiuj ĉi urboj li propagandis Esperanton, gvidis kursojn kaj fondigis grupon. Li estis bonega Esperanta stilisto; la spiriton de Esperanto li profunde konis kaj, kiel okazas al tiuj Esperantistoj, kiuj ellernis nian lingvon, li kun la jaroj fariĝis ĉiam pli fervora admiranto de la Zamenhofa verko. S-ro Evrot regule kunlaboris en nia gazeto, de 1912 ĝis la milito, per alsendo de recenzoj pri la nove aperintaj libroj, sub la pseŭdonomo „Verto". Sian recenzistan taskon li plenumis tiel konscience kiel talente. La milito, dum kiu pliiĝis liaj profesiaj laboroj, interrompis lian kunlaboradon, sed li restis fidela al nia movado. Ne nur laŭ la lingvo, sed ja ankaŭ laŭ la koro li estis Esperantisto. Ĉiuj personoj lin konintaj dankeme rememoros pri tiu modesta, sed meritplena kaj varmkora samideano. Al lia familio, kiu ankaŭ enhavas Esperantistojn, ni sendas la esprimon de nia korsimpatio. — *H. H.*

**Jules Forestier,** garantianto de UEA, en Genève. Fervora samideano, kiu ĉeestis kelkajn kongresojn kaj estis fidela vizitanto de la lokaj kaj Svisaj kunvenoj. S-ro J. Forestier estis dum kelkaj jaroj reprezentanto de la Franca registaro en Indoĉinio.

**Fraŭlino Emma Herzog,** el Zürich. Ŝi dum kelkaj jaroj estis agema Del. de UEA en la Svisa kuracloko Davos, kie ŝi multe propagandis. Dank' al ŝiaj klopodoj multaj diverslanduloj Esperantistiĝis. F-ino Herzog mortis je la 63ª vivjaro post longaj suferoj.

**Josef Pech,** el Lázně Bělohrad (Ĉeĥoslovakio). Eminenta Bohema samideano, estinta sekretario de Bohema Unio Esp., kunlaborinto de Bohema vortaro de S-ro Kühnl, ĉiam fervora propagandisto kaj batalanto. Li mortis kiel ĉefleŭtenanto de telegrafa regimento je gripo la 16 novembro 1918 en Bruneck, Tirolo. De ĉiuj samideanoj, kiuj konis lian noblan karakteron, li meritas la plej bonajn rememorojn.

**Joseph Rhodes.** Kun profunda bedaŭro ni sciiĝas pri la morto de Joseph Rhodes, Keighley, Anglujo, okazinta subite la 28 februaro.

Li estis unu el la pioniroj de Esperanto en Anglujo. Li aŭdis pri la kara lingvo en 1899, kaj, sin instruante per la traduko de la „Unua Libro" de D-ro Esperanto, li estis inter la unuaj 6000 Esperantistoj, kiujn la Majstro registris en la Adresaroj. Lia metodo de propagandado estis tre kvieta, sed tre persista. Li parolis pri Esperanto ĉiam kaj ĉie, kaj, ĉar li havis grandnombran rondon de konatoj, kelkaj semoj enradikiĝis kaj post trijara laboro li interkonsiliĝis kun sia samurbano, S-ro John Ellis, kiun li jam varbis al Esperanto, kaj kune ili decidis, ke la tero estas matura kaj preta, por ke ili penu fondi propagandan societon en Anglujo. Ili invitis S-ron Charlier por fari publikan paroladon, kaj en novembro 1902 fondiĝis la unua Esperanta societo en Granda Britujo, kies 80 membroj tuj komencis lerni kaj disvastigi nian lingvon. Oni baldaŭ sekvis la ekzemplon, tiel kuraĝe montritan, en London, Edinburgh, Liverpool kaj Manchester. S-ro Rhodes ne kontentiĝis je la fondiĝo de societo en Keighley, malgranda urbo kun 40,000 enloĝantoj, sed helpis iniciati societojn en aliaj urboj, kaj al li kaj al lia kolego, S-ro Ellis, kelkdeko da grupoj en la grandaj komercaj urboj ŝuldas sian naskiĝon.

S-ro Rhodes ĉeestis la unuan kongreson en Boulogne, kie oni elektis lin Lingva-Komitatano.

Tre grava servo de S-ro Rhodes al Brita Esperantismo estis la kompilado de lia ĉefa monumento, la Angla-Esperanta Vortaro. Tiu ĉi bonega verko estas tre larĝe konita, kaj oni ne bezonas laŭdi ĝin tie ĉi. S-ro Rhodes tradukis „La progresado de l' pilgrimanto", Anglan religian klasikaĵon, originale verkitan de samsektano de la tradukinto. Li ankaŭ kompilis rimvortaron, kiu havas duoblan celon, nome, rimvortaro kaj plena radikaro.

Ĉar la Keighley-a Societo funkciis interligite kun la tiea Teknika Lernejo, tiu ĉi institucio estis la unua, kiu ricevis subvencion de la registaro por tiuj studentoj, kiuj lernis Esperanton. Nerekta konsekvenco estis, ke en la unuagradaj lernejoj en Keighley, Eccles kaj aliaj lokoj oni komencis instrui Esperanton kun la konsento de la Eduka Ministro. Tiu ĉi movado vastiĝas kaj promesas bone por la fina triumfo, tiel longe esperita.

Aparte de sia Esperanta vivo S-ro Rhodes havis larĝajn simpatiojn, multajn intelektajn interesojn kaj filantropajn agemojn. Li ĉiam estis preta por helpi la malfeliĉulojn, precipe la blindajn kaj surdmutajn. Vidvino, kiu mem estas fervora Esperantistino, ploras lian memoron, kaj la tuta Brita Esperantistaro simpatie partoprenas en ŝia funebro. — *X.*

**Emil Sprotte,** Membro de la Berlina Esp.-Grupo, subite mortis sekve de la gripo. Li estis la verkinto de la stenografio „Aoro" kaj multe tradukis el Korano; dum restado en la oriento li efike propagandis nian ideon. Modesta karaktero, li ĉie trovis simpation kaj estimon.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Aprila raporto*

Pro la nuna stato de l'valuto estas ioma malfacilaĵo, fiksi la kotizon por ĉiuj landoj. Hazarde, ĉar la sido de E. L. A. estas en Germanlando, kaj tial, ke pro tiu ĉi fakto la Germanaj membroj de nia Asocio unue povis kaj deziris pagi, ni jam antaŭ kelkaj monatoj fiksis la kotizon por Germanlando: 4 M. Tio estas 2 Sm. Sed neniu alia lando nuntempe povus pagi 2 Sm., ĉar pro la grandaj kurzdiferencoj oni ne scias, kiom ĝi estas laŭ nacia mono. En unu el niaj antaŭaj raportoj ni fiksis la kotizon ĝenerale je 5 Fr.

Hodiaŭ ni denove devas iomete ŝanĝi kaj pro tio petas pardonon!

Ĉi-sube ni aperigas liston de kotizoj por la diversaj nacioj:

Franclando 4 Fr., Belgujo 4 Fr., Anglujo 2/8 Sh., Finnlando 6 Mk., Danlando 2½ Kr., Svedujo kaj Norvegujo 2 Kr., Hispanlando 2 P., Italujo 5 L., Holando 1 G., Svislando 3 Fr., Usono 0,5 D. (½ D.), Aŭstrio kaj Hungarlando 10 Kr., Ĉeĥoslovakujo 6 Kr., Litovujo 4 Mk., Polujo 8 Mk., Germanlando 4 Mk.

Kelkaj landoj: Aŭstrio, Hungarlando, Ĉeĥoslovakio, Polujo, Litovujo kaj Germanlando, kies valutaj situacioj estas plej malbonaj, ŝajnas laŭ nia listo iom preferataj kompare kun la aliilandaj kotizoj. Tamen tio ne estas aliigebla, ĉar estus ridinde, se ni volus fiksi la kotizon ekz. por Franclando je proksimume duona franko, responde al 4 Mk.

Ni tial petas niajn estimatajn gekolegojn, pardoni ĉi tiun ŝajnan maljustecon kaŭzitan de la eksterordinara stato de l'valuto. Estas esperinde, ke oni nun sendos la kotizon al nia administrejo, Nicolaistr. 18, Dresden-A. Okaze ke tio ne estas farebla senpere, oni bonvolu ĝin sendi pere de UEA, Bern, Museumsstr. 14.

Prezidantino: *S-ino M. Hankel.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO.* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-ajo = *Esperantajo.*

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vaclav Stary, XV. Turnergasse 25/15, L, PI, PM, k. ĉ. l. (salutas siajn malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempajoj).
**Wien.** — S-ro Frederiko Molnar, inĝeniero, IX/4 Währingergürtel 162, PI, PM, L (pri elektrotekniko kaj elektromedicino, pri socialaj temoj).
**Wien.** — S-ro Oskar Popper, Zollergasse 37, VII, PI, k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Černy Kostelec.** — Gelernantoj de la supera elementa lernejo, 14—15 jaraj (kun gelernantoj en ĉ. l., ili ĉiam respondos). Adresu al S-ro B. Ludvik, odbor. učitel (taka instruisto).
**Deutsch Gabel.** — S-ro Inĝeniero G. Scholze, petas alsendon de L, PI, por legado en Esp. rondeto. Al ĉiu sendanto oni respondos.
**Gablonz a. d. Neisse.** — S-ro Paul Petrak, Lillengasse 13, PI, bfl, PM.
**Gablonz a. d. Neisse.** — S-ro Walter Queiser, Malergasse 7, PI, bfl, PM.
**Gablonz a. d. Neisse.** — S-ro Ferdinand Merganz, ekonomia adjunkto, Mühlfeldgasse 15, L, PI, PM.
**Gablonz a. d. Neisse.** — S-ro Hermann Röhlisch, Gebirgsstr. 42, PI, PK, PM, k. ĉ. l.
**Jilemnice 306.** — S-ro Josef Kavan, PM, k. ĉ. l.
**Kladno.** — S-ro Otomar Koči, Tyrsova 983, PI, PM, papermonon, k. ĉ. l.
**Kladno.** — S-ro Jaromir Skarda, Palackeho 1568, PM.
**Košice.** — S-ro D-ro Antono Rubes, urba ĉefkuracisto, mestky dom, L, PI (kun samideaninoj ĉ. l.).
**Leitmeritz.** — S-ro Franz Beran, Lange Gasse 23, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Milin ap. Pribram.** — S-ro Rudolf Rosenfeld, PI, k. ĉ. l.
**Moravany.** — Bohema Esperanto Servo, PI, Esp-ajojn, kolektas adresojn.
**Opava.** — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl, k. ĉ. l. (peras komercajn rilatojn).
**Pardubice.** — S-ro Daniel Ladislav, Hronovicka 640, L, PI, bfl (kun novaj ŝtatoj kaj ekster-Eŭropanoj), salutas antaŭmilitajn korespondantojn.
**Praha.** — S-ro František Novak, horloĝisto, Malé nám. 10, L, PI, k. ĉ. l.
**Praha II.** — F-ino Julie Šupichová, Malá Štepanská 6, kolektas adresojn de junaj Esp. gekorespondantoj. La adr. estas senpage publikigitaj en Ĉeĥoslovakaj gazetoj.
**Praha-Bubenec 113.** — S-ro Roto Kominek, PI, PM.
**Seidenschwanz 59 bei Gablonz a. d. N.** — S-ro Edwin Seidel, PI, bfl, PM.
**Seidenschwanz 54 bei Gablonz a. d. N.** — S-ro Franz Siegmund, PI, bfl, PM.
**Teplitz-Schönau.** — La ligo de la Germanlingvaj Esperantistoj en la Ĉeĥoslovaka respubliko, Badeplatz 5, serĉas por siaj lernantoj negermanajn korespondantojn en eksterlando. Sciigu nomon, adreson, sekson, aĝon, L, PK, PI, PM. La Oficejo disdonas laŭsence la adresojn. Oni ĉiam respondas.
**Tuklaty ap. Ouvaly.** — F-ino Boza Chroustová, L, PK (kun partoprenantoj de la „Sokola Kongreso" 1920 en Praha).
**Zvolen.** — S-ro Frant. Baliček, instruisto, PI, nacilingvaj gazetoj ilustritaj.

### Danzig

**Danzig-Neufahrwasser.** — S-ro Alois Doppke, Bergstr. 13 a, L, PI, PK.

### Finnlando

**Hartola.** — S-ro Eero Salonen, PM.
**Heinola.** — S-ro Arvi Kivimaa, PM, PK.
**Raumo.** — S-ro M. Nordlund, PM (kun kolektantoj en Kroatio, Serbio, Bulgario, Montenegro kaj Turkio. Ne sendas unue).
**Viipuri.** — S-ro Outo Sarpio, Likolampi Siimeskatu 1, PI, PM, bfl.
**Sveaborg.** — S-ro E. Mausikka, studento, L, PM, pri lingvo internacia, vendas Esp-ajojn, kolektas Esp. sigelmarkojn, PI (nur ekster-Eŭropaj).

### Francio

**Bourg-la-Reine** (Seine). — S-ro René Burg, 12, ave. Galois, L, PI, pri muziko, k. ĉ. l.

### Germanio

**Berlin-Neukölln.** — Knaboj kaj knabinoj serĉas korespondantojn en la tuta mondo. Oni skribu al: S-ro Wittbrodt, instruisto, Anzengruberstr. 3.
**Dresden N.** — S-ro Walter Unruh, inĝeniero, Kurfürstenstr. 9, L, PI, PM, sigelmarkoj Esp.
**Freiburg i. Br.** — S-ro Eugen Gabelmann, Katharinenstr. 14, L, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esp-istoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).

### Hispanio

**Barcelona.** — S-ino Isabel Vila, Santa Roca 17 H, PI.
**Barcelona.** — S-ro Vicens F. Bort, muzikverkisto, Gran Via Diagonal 552-2, L, PK (koresp. Angle, Germane, France, Esperante).
**Barcelona.** — S-ro Domingo Albert, 127, Muntaner (Pintos), PK (ĉiuj respondas).
**Huesca.** — S-ro Roberto Maraury, 8, Sto. Domingo (politikajn, komercajn aŭ artajn Anglalingvajn gazetojn — reciprokas per Hispanaj).
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Pedro Naranjo Martiner, 10, Avila, PI, PM.

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Jozefo de Mateffy, Fehervari u. 9, L, PI, bfl.
**Budapest.** — S-ro Eugen Missura, Hunyady ter. 8, III, VI, L, PI, PM.
**Budapest.** — S-ro Totsche Lajos, studento, IV. Vaci utca 79, L (kun junuloj pri seriozaj temoj).

### Italio

**Genova.** — Laborista Grupo Esperantista, Casella Postale 922, serĉas korespondantojn por la lernantoj de laborista kurso.
**Palermo.** — S-ro Francesco Miguori, librotenisto, 57, via Oreto, PI, L, k. ĉ. l.

### Jugoslavio

**Doboj** (Bosnio). — S-ro D. Vojkovič, apotekisto, L, PI, PM, k. ĉ. l.
**Pirote** (Serbio). — S-ro Svetolik Djordjevič, instruisto, Donja ul. 36, L (kun junaj geinstruistoj ĉiulandaj pri la infanedukado kaj la sistemoj de la diversaj eduklernejoj).

### Nederlando

**'s-Gravenhage.** — F-ino Betsy Meelis, Boterstraat 4, PI, k. ĉ. l.
**Sneek.** — S-ro G. v. d. Linden, Zuidend 31, L, PI, k. ĉ. l.
**Sneek.** — F-ino D. Bronner. Via adreso estas nesufiĉa, mia letero revenis, Sveda Samideano.
**Wormerveer.** — S-ro P. Vermeulen, Wandelweg, PM, k. ĉ. l.
**Zutphen.** — S-ro J. de Lang, Buitensingel 90, PI, PM, interŝanĝas portretojn.
**Zwolle.** — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM, k. ĉ. l., PI (prefere stacidomoj, monumentoj, k. t. p., sed ne fantaziaj).

### Polio

**Warszawa.** — S-ro Ignacy Tejchfeld, Marszalkowska 86, L, PI, pri temoj diversaj kaj komercaj aferoj.

### Svedio

**Lund.** — S-ro A. W. Friberg, PM, fotografajoj.

### Ameriko

**Atemacax** (Meksiko, Guadalajara). — S-ro Ernesto E. Guerra, L (kun samideaninoj juĝantaj larĝkriterie grandajn kaj malgrandajn aferojn de la vivo).
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Angel Mazzuconi, 983, Cochabamba, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Crowley** (U. S. A., Louisiana). — S-ro J. G. Haupt, L, PI, k. ĉ. l. (precipe pri bankaj, sciencaj, lernejaj temoj).
**Ebor** (Kanado, Man.). — S-ro A. J. MacAdoo, PI, PM (militmarkoj dezirataj, precipe de novaj Eŭropaj ŝtatoj, Afriko, Azio, Britaj kolonioj).
**Talleres F. C. S. Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, PI, bfl, PM.
**Wahkon** (U. S. A., Minn.). — S-ro Pierre Parish, Consolidated School, L, PI, PM (kun eksterlanduloj pri ilia respektiva lando).

### Azio

**Allahabad** (Hindio). — S-ro K. Samuel, c/o Postmaster, PM, k. ĉ. l.
**Bassein** (Burma). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, PI, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).
**Ĉita** (Siberio, Transbajkala uezd.). — S-ro K. L. Cukanov, str. Verĥneudinska dom N-ro 33, L, PI, k. ĉ. l.
**Peking** (Ĉinio). — La Esperanta Instituto The Government University, L, PI, k. ĉ. l.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.

**Adiaŭan saluton,** Raymond Higot, Neuilly-sur-Seine, transsendas al siaj gekorespondantoj. Pro sia enregimentiĝo en la Franca armeo li devas ĉesigi la korespondadon. Senkulpigu lin.

**Adresaro.** — Adresojn kaj anoncojn por „B. E. S.-a Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj" akceptas senĉese „Bohema Esperanto Servo" en Moravany, Bohemio, Ĉeĥoslovakio. Prospekto senpage.

**Anoncoj.** — Mi korespondas L kaj PK pri komercaferoj precipe pri la efiko de anoncosistemoj por podetalaj komercoj. Juan Anguita Galan, Jaen, Hispanio.

**Birdoj.** — S-ro Arthur Scott, Sparrow Herne, Ashmore Green, Newbury, Angl., deziras aĉeti vivantajn albinosajn birdojn (blankajn kun okuloj rozruĝaj), kanabenojn, kardelojn k. s. Li deziras scii adresojn de la plej gravaj Eŭropaj birdvendistoj en Paris, Hamburg, k. t. p., ankaŭ nomojn de Eŭropaj gazetoj birdistaj.

**Bulgaraj Esperantistoj, atentu!** — Sub preso kaj baldaŭ aperos II-a prilaborita kaj pligrandigita eldono de „Lernolibro de Esperanto" enhavanta: Gramatikon, Ekzercaron kaj du Vortarojn, entenantaj la vortradikojn de la U. V., de la du Of. Aldonoj kaj multajn derivaĵojn. Prezo 3 Sv. fr. aŭ 10 Bulg. lv. Mendojn adresi al la aŭtoro: Iv. H. Krestanov, Sonnenbergstr. 11, Bern (Svisio).

**Ĉasta vivo.** — La movado por ĉasta vivo en Nederlando propagandas ĝustan normon por seksa vivo, kontraŭbatalas i. a. prostituadon, duoblan moralon, novmaltusianismon, pornografion, onanion, k. t. p. — serĉas kontakton kun eksterlandaj samcelantoj. Skribu al D. Roskes, prezidanto, van Loorstraat 68, den Haag (Nederlando).

**Chrisnuco.** — Kolonio Paragvajo. Internacia kolonio por ambaŭ seksoj baldaŭ fondiĝos. Ties principoj estos la Kristanismo, komunismo, vegetarismo kaj nudeco. Por viroj la enirkotizajo estos 10 funtoj Angl., kaj ĉiuj devos pagi sian veturelspezon. Ĉiuj interesatoj petu plenajn detalojn ĉe S-ro Al. Alcock, 166, Sydenham Road, Sydenham, London S. E. 26 (Anglujo).

**Edziĝo.** — Instruita sinjorino (universitata instr.), de perfekta eduko, tre bone prezentiĝanta, neriĉa, deziras edziniĝi kun 40—50 jara, kiera sinjoro, de liberala profesio (kuracisto, advokato, profesoro) kun progresemaj ideoj. Granda monhavo ne necesa. Firma materia situacio estas dezirata. Oni respondu detale, kaj se eble sendu fotografaĵon, kiu estos resendata. Diskreteco postulata kaj promesita. Poste Restante Eaux Vives 0,28, Genève (Svisio).

**Edziĝo.** — Esperantisto (Eŭropano) en Hindio, deziras skribe interkonatiĝi kun fraŭlino, ĉirkaŭe 25 jara. Nur al seriozaj leteroj kun plena adreso estas respondota. Leteroj sub Epigrafo „Hindio“ al Redakcio de „Esperanto“, Museumsstr. 14, Bern.

**Esperantaĵoj.** — La „Brita Literatura kaj Debata Societo“, eldonantoj de „Literaturo“, deziras ricevi interŝanĝe por tiu gazeto librojn, gazetojn kaj aliajn Esp-aĵojn. Oni sendu al la Hon. Sekretario, Charles H. Edmonds, 254, Wightman Road, London N. 8.

**Esperantista familio,** loĝanta apud Paris, deziras junan servistinon katolikan amantan la infanojn. Facila servo. Vojaĝo repagita. Skribi al S-ino Pierre Muffang 14bis, avenue Galois, Bourg-la-Reine (Seine), Francio.

**Esperantistoj.** — Mi bezonas de 1916 jarkolekto de „Esperanto“ numerojn 9/10 kaj la plenajn jarkolektojn pli malnovajn ol 1914; mi estas preta interŝanĝe sendi kion ajn. O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec-Králóve (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Mi ŝanĝas Finnajn, Estonajn kaj Aunus-markojn kontraŭ aliaj landaj; akceptas ĝis 25 de ĉiu speco. Ankaŭ Pl. S-ro K. Markkanen, Malminkatu 28, Helsinki (Finnlando).

**Filatelistoj.** — S-ro Angel Tagliaferri, La Plata 3/537 (Argentino), aĉetas, vendas kaj interŝanĝas PM kun ĉiuj landoj laŭ katalogoj Yvert aŭ Galvez, po 2.50 aŭ 10 fr. kolektoj el Sudamerikaj landoj.

**Geknaboj.** — Adresarojn de alilandaj geknaboj dezirantaj korespondi petas D-ro Privat, 2, chemin de Roches, Genève (Svisio).

**Japanaj samideanoj.** — Ricevante preskaŭ ĉiutage kartsalutojn kaj leterojn e via lando, mi petas vin, nepre skribi tre legeble, kaj ne forgesu la rimarkon, ĉu la forsendinto estas sinjoro aŭ sinjorino. La Japana nomo sole ne sufiĉas. Korajn salutojn. O. Haller, Del. de UEA, Rorschach (Svisio).

**Interŝanĝo.** — Dek malsamajn Esperanto-insignojn ricevas ĉiu persono, kiu sendos al mi en rekomendita letero cent malsamajn stampitajn poŝtmarkojn de sia lando. Ferdinand Merganz, Mühlfeldgasse 15, Gablonz a. d. Neisse (Ĉeĥoslovakio).

**Kantista Societo de Moraviaj Instruistoj** petas muzikajn verkistojn de la tuta mondo kaj ĉiujn, kiuj povus tion aranĝi, por sendo de viraj ĥoraj komponaĵoj modernaj de ĉiuj nacioj. Sendi al S-ro Jan Šembera, membro de la K. S. M. J., Brno, Francouzská 72, Ĉeĥoslovakio. Elspezoj estos pagataj, aŭ la Societo sendos Ĉeĥajn muzikajn verkojn laŭ la deziro.

**Komunista Socialismo.** — S-ro Creston C. Coigne, 2633, Creston Avenue, New York City, deziras ricevi leterojn de kapablaj kaj energiaj kamaradoj, kiuj volus kunlabori pri fondo kaj sukcesigo de tutmonda komunista federacio. Ĉiuj socialistoj kaj radikaluloj estas urĝe petataj skribi tuj.

**Literaturo.** — La redakcio de la Esperanta literatura gazeto „Literaturo“ sendos specimenan ekzempleron de la gazeto post ricevo de respondkupono. Adresu al: la Redakcio de „Literaturo“, 254, Wightman Road, London N. 8, Anglujo.

**Manifesto de Nederlandaj kontraŭmilitaristoj.** — Havebla kontraŭ respondkupono ĉe G. P. de Bruin, Alleeweg 9, Enschede (Nederlando).

**Poŝtmarkoj.** — S-ino Prost, 23, place Mairie, Villeurbanne (Francio, Rhône), sendos 50 malsamajn PM de Francio al tiu, kiu sendas 50 malsamajn de sia lando per rekomendata letero. Certa respondo rapida.

**Poŝtmarkoj.** — S-ro E. Vermeulen, Wandelweg, Wormerveer (Nederlando), deziras alsendon, per deklarita letero, de PM de ĉiu lando, por kiuj li resendas sammaniere saman kvanton aŭ valoron de Nederlandaj PM kaj kolonioj.

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Por kompleta serio de poŝtmarkoj de via lando m sendas provizorajn Ĉeĥoslovakajn, legiitajn, bonfarajn, Aŭstriajn militpoŝtmarkojn laŭ la katalogo Michel aŭ Senf. Sendu rekomendite. S-ro Rudolf Novy, Tuchoraz 315, Kladno (Ĉeĥoslovakio).

**Sigelmarkoj.** — Ricevinte respondkuponon mi sendas al vi specimenojn de Belga efikaj glumarkoj Esperantaj. Internacia Esperantejo Oskar Ziegler & K-io, Marktredwitz (Bavario).

**Stereoskopajn surkristalajn fotografaĵojn,** 45—107 mm, mi interŝanĝas. Por tio mi pretigis tre artan aron da Hispanaj vidaĵoj. Eduardo Arroyo, Jaen, Hispanio.

**Universala Junula Asocio.** — Regularo kontraŭ 2 respondkuponoj, aliĝo fr. 2.50 Skribu al S-ro G. Crowther, Offchurch Bury, Leamington Spa, Anglio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

**Agento serĉata.** — Londona teksaĵa firmo serĉas agenton en Norvegujo kaj Svedujo. Respondo al W. P. Merrick, „Woodleigh“, Shapperton, Anglujo.

**Filatelistoj.** — 200 seriojn de poŝtmarkoj legiaj po 6 valoroj, 15, 25, 50, 75, 100, 120 heleroj stampitaj per stampilo tilia kaj ronda datreveno de nia liberiĝo 28. X. 1919. Estas vendeblaj nur entute je la prezo de 3000 frankoj Svisaj. J. B. Vlach, Praha Národni tr. 38 (Ĉeĥoslovakio).

**Financa partopreno.** — Samideano inklina finance partopreni ĉe entrepreno Esperanta-komerca kaj internacia, sendu tuj adreson sub A. B. 101 al la Redakcio de „Esperanto“, Museumsstr. 14, Bern (Svisio).

**Importo.** — S-roj Ragg. Miguori kaj Agnello, 57, Via Oreto, importas produktaĵojn taŭgajn por Italio, akceptas reprezenti firmojn ĉiulandajn por Genova.

**Libroj.** — Esperantajn kaj Anglajn librojn binditajn aĉetas S-ro C. van Doorne, de Vliegerstraat 28 B, Rotterdam (Nederland).

**Malakito.** — Mi volas aĉeti krudan kupran malakiton po 1015 kilogramoj el iu lando, ankaŭ gemojn en kruda stato. Sendu specimenon kun prezo. Ĉia negoco kontante. Albert Everitt, Escondido (Usono, California).

**Pasteloj Spa-Goudron.** — Ĉiuj personoj, kiuj suferas je astmo, bronkito, tuso kaj tuberkulozo, kaj kiuj volas konvinkiĝi pri sia resanigebleco, ricevos rekomenditan specimenon de Pasteloj Spa-Goudron, kiuj kuracas tiujn malsanojn. Sendu kvar respondkuponojn al S-ro Ed. Desonay en Spa (Belgio).

**Perado.** — La aĉeton de ĉiuj artikoloj de Gablonz a. N. por eksterlangaj firmoj peras Ferdinand Merganz, Mühlfeldgasse 15, Gablonz a. d. Neisse (Ĉeĥoslovakio).

**Raztranĉiletoj** kaj razaparatojn, plej bona Sveda fabrikaĵo, vendas S-ro F. Sandberg, Karlberg 30, Sandviken (Svedio). Provtranĉileto kontraŭ 1 Kr. Sv. antaŭpagita

**Reprezentado.** — Anglo kun kvinjara sperto de Nederlando kaj Nederlandano deziras esti nomata kiel reprezentanto por Nederlando, de la granda industrio Angla aŭ Amerika, je salajro- kaj procentaĵo-bazo. Adreso: „Komerco“ ĉe F-ino H. Beukema, Del. de UEA, Heerestraat 12 a, Groningen (Nederlando).

**Reprezentado.** — S-ro Advokato Celestino Cacace, vice-direktoro de Napola agentejo de la asekura societo „Riunione Adriatica di Sicurta“, Napoli (Italio), 14, Crociferi al Miracoli, deziras reprezenti eksterlandajn firmojn pri ĉiuspecaj komercaĵoj kaj produktoj. Donas komercajn informojn pri ĉiuj Italaj komerciokoj.

**Reproduktaĵoj** de famaj pentraĵoj, belege koloritajn, kaj de plastaj skulptaĵoj en poŝtkartoj mi liveras afrankite po 10 diversaj ekzempleroj, por 5 M. Librojn kaj aliajn objektojn haveblajn en Germanio, mi liveras komisie. Pro la nuna malalta kurzo tre malkare. R. Schneider, Körnerstr. 28, Gera (Reuss, Germanio)

**Sperta filatelisto** rekomendas sin por favora havigo de poŝtmarkoj ĉiuspecaj S-ro Kurt Spleiss, Rathenowerstr. 52, Berlin N. W. 5 (Germanio).

**Vilao vendebla.** — Unu el la plej belegaj elegantaj pension-vilaoj en la mondfama, altmontara kuracloko Bad Reichenhall estas vendebla. Taŭga por sinjora restadejo aŭ sanatorio. Informojn donas Fritz Mayerhauser, Del. de UEA, Bad Reichenhall (Bavario).

# OFICISTO SERĈATA

**La Centra Oficejo de UEA bezonas tuj oficiston. Postulata: bona kono de Esperanto, Franca aŭ Germana lingvoj, maŝinskribado, iom da sperto en oficejaj laboroj.**

Proponoj de personoj loĝantaj en Svisio al la Centra Oficejo de UEA, Museumsstrasse 14, Bern

# Oficiala Insigno de UEA




| | Pinglo | Butono |
|---|---|---|
| 1 ekzemplero | Fr. 1.50 | Fr. 1.75 |
| 12 ekzempleroj (kune mendataj) | Fr. 15.— | Fr. 17.50 |

Tiuj prezoj estas laŭ svisa valoro
ili enhavas la afrankon kaj poŝtrekomendon
**Insignoj ne povas esti vendataj laŭ favora kurzo**

Mendojn oni sendu al: **Universala Esperanto-Asocio,** *Museumsstrasse 14,* **Bern** (Svisio)

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN